**XXIVa jaro.** • **Monata** • **Januaro 1928**

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

**Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto ; Hans JAKOB, Direktoro de UEA.**

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo: la 1-a de ĉiu monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** . . . . . . . . . | **10.— Fr. Sv.** |
| **Kun la membreco de UEA** . . . . . | **12.50 Fr. Sv.** |
| **Unu numero** . . . . . . . . . | **1.— Fr. Sv.** |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . | **3.50 Fr. Sv.** |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj). . . . | **0.75 Fr. Sv.** |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . | **1.— Fr. Sv.** |


ENHAVO



## Ni restos fidelaj !

Estas nia vico tion diri. Ĉe UEA ni ne kutimas je tiaj predikadoj pri Fundamento, Fideleco, Disciplino, ktp. Por ni Esperanto vivas. Ni fidas je la uzado kaj naturaj leĝoj de funkciado. Sed en la rondo de la severaj predikantoj ŝajnas, ke hodiaŭ iuj eminentuloj kaŝas en sia poŝo plenan projekton de reformoj aŭ pretan aliĝon al nova sistemo. Dume ili laŭte kritikas UEA pro uzo de internaciaj landnomoj (vidu paĝon 11 Uzo kaj toleremo) Tio ne mirigas nin.

Jam ni spertis la agon de S-ro de Beaufront, la plej fanatika el ĉiuj konservativuloj.

Kio poste okazis ? Nun liaj malmultaj disciploj disputas inter si. La idista movado disrompiĝas. Pluraj jus forlasis ĝin por nova sistemo. Ankaŭ Prof. Jespersen eksiĝis por serĉi alian solvon. Jen la vojo de salto al salto, de rompo al rompo, anstataŭ la natura trankvila evoluado per la vivo.

Se iu ajn amiko de niaj fanatikuloj intencas imiti S-ron de Beaufront kaj partopreni en nova movado, li nur perdos ĉian influon kaj la esperantistaro daŭros fidele sian vojon. Sed ĉu la fanatikuloj ne povus profiti la instruon post ripetita provo ?

Por ili Esperanto estas nur provizora. Ili atendas tagon, kiam la registaroj ĝin oficialigos kaj reformos. Tial ili timas nun ĉiun liberecon, maltoleras evoluon, provas ĝin haltigi per teruro « ludante la rolon de ĝendarmoj sen forto » kiel trafe rimarkis D-ro Zamenhof, kiu malfidis ilin.

Absolute ni malkonsentas kun ilia vidpunkto. Por ni Esperanto ne estas provizora. Ĝi ne bezonas reformojn. Ĝi bezonas nur plue vivi kaj profiti el la spertoj de la vivo, kiel ĉiu el ni. Tiu fama atendo al registaroj estas iluzio. La registaroj havas neniun kompetencon por tuŝi Esperanton. Feliĉe neniam ili sidos ĉirkaŭ tablo por tion fari, eĉ por ĝin oficialigi per unu manbato.

Iam ni kredis je ebleco de tia « komisiono ». Hodiaŭ ne plu. La sperto montris, ke la oficialigoj venas nur iom post iom, unu post alia, kiel la rekomendo de Ligo de Nacioj en 1924, la decido de Universala Telegrafa Unuiĝo en 1925, ktp. La registaroj timas iniciatojn. Ili nur konfirmas konsiderindajn fortojn.

Nu, sur la mondlingva kampo, krom angla, franca kaj germana, Esperanto estas ja la sola efektiva forto. Pro tio necesas nur energie daŭrigi ĝian disvastigon kaj uzadon, inteligente kontroli ĝian pliriĉigadon kaj ne perdi nian tempon atendante ion eksteran aŭ eksterordinaran. Por fanatikuloj kaj reformistoj ĝi estas nur propono. El tio devenas ilia stranga parenceco kaj konstanta maltrankvileco.

Ĉar ni atendas nenion el ekstero ni ankaŭ timas nenion. Ni fidas je la vivo kaj uzado, kiel D-ro Zamenhof, kiel H. Hodler. Ni fidas je la bona, taŭga, komuna bazo, la Fundamento, el kiu la tuta lingvo elkreskis kvazaŭ arbo el plej sana greno. Rompoj, saltoj, bataloj estas la rezultatoj de fanatikeco. Trankvileco, lingva toleremo kaj ĉiutaga progresado estas la fruktoj de la praktika fideleco al Esperanto vivanta.

*Edmond Privat.*

## SOCIA VIVO

# Pri Senarmigo

de *Liang-Ĉu-vaj.*

La prepara komisiono por konferenco pri senarmigo denove kunsidis en Geneve. Nur du punktojn ni havis sur la tagordo : 1. elekto de komitato pri « Sekureco » kaj 2. stato de la laboroj.

La unua punkto devenis de la lasta ĝenerala kunveno de la Ligo dum Septembro. Kion oni konstatis ? Ke neniu volas senarmiĝi ĉar ĉiuj timas. Do necesas trovi iun rimedon por trankviligi la timantojn per iaj garantioj de sekureco. Tion celis siatempe la fama « Protokolo ». Car la Brita registaro ĝin enterigis, oni volis reveni al io simila sub alia nomo.

La komitato estis do formita. En ĝi sidas sovetaj delegitoj kiel « observantoj ». Prezidas D-ro Beneŝ. La jugoslava delegito kuraĝis nomi aferojn per ilia ĝusta nomo. Vidu, li diris, jen mia lando kaj Albanio, ambaŭ membroj de la Ligo de Nacioj kaj ambaŭ ne trovintaj en ĝi sufiĉe da « sekureco ». Kio okazis ? Ambaŭ serĉis plian protekton ekstere, unu per kontrakto kun Francujo, alia per alianco kun Italujo. Rezultato : danĝera malamikiĝo inter tiuj du grandpotencoj.

Ĉu la Ligo daŭrigos simple enregistri ĉiujn similajn apartajn kontraktojn sen kontrolo, sen ordo, senzorge ĉu ili konformiĝas aŭ ne kun ĝia principaro kaj regularo ?

Fakte vera efektiva Ligo de Nacioj devus permesi neniajn apartajn kontraktojn kaj devus esti sufiĉe forta por doni al ĉiuj anoj la plenan protekton kaj garantion pri sekureco. Kiamaniere ? jen la demando.

Estas tamen progreso ke oni komencas iom pli kuraĝe eldiri verojn anstataŭ nurajn ĝentilaĵojn. En normale funkcianta Ligo oni devus havi liberecon kaj kutimon meti sur tablon tute malkaŝe ĉiujn maltrankviligajn demandojn por kune serĉi solvon.

Inter Francoj kaj Italoj ekzistas pli grava afero, se oni rigardas profunde. La unuaj havas malmultajn idojn, la duaj tre multajn. Tiu kreskanta popolo sopiras aeron, spacon. Saĝe estus trankvile konsideri la problemon ĉirkaŭ ronda tablo kaj vidi kiamaniere faciligi al Italoj elmigradon kaj koloniadon por eviti katastrofan eksplodon. Sed tio koncernas neniel nur la Francojn, sed ĉiujn aliajn popolojn de la mondo, kiuj povas kompreni la bezonojn de grandiĝanta gento (1/2 miliono jare). Estis iom same kun Germanoj antaŭ la milito.

Ni revenu al la prepara komisiono pri senarmigo. Ĉe la dua punkto de l'tagordo, parolis unuafoje la rusaj delegitoj. Ili prezentis projekton de kompleta senarmigo en kvar jaroj kun ĝenerala detruo de ĉiuj armiloj, absoluta malpermeso de ĉiu milita instruo aŭ vendo de armiloj ne nur al armeoj, sed al ĉiuj sociaj organizaĵoj, do forigo de rimedoj ĉu por internacia, ĉu por civila milito.

Ilia propono ne estis tuj diskutata. Ĝi venos dum la proksima kunsido 15. Marto 1928. Cetere multaj gazetoj jam deklaris, ke ĝi estas propaganda ŝerco aŭ utopio al multaj aliaj ĝi male aperas kiel kuraĝa radikala solvo. Ĉiuokaze ĝi devigos al pripenso.

Interese estas memori, ke Ruslando, tiam ankoraŭ cara, kunvokis antaŭ dudek jaroj la konferencon pri senarmigo en Hago. Kial plena kaj absoluta senarmigo, — eĉ per kontrakto inter ĉiuj ŝtatoj — elvokas ankoraŭ skeptikajn ridojn en komisiono pri senarmigo ?

Kompreneble ekzistas la financaj interesoj de fabrikantoj, ankaŭ la timo de posedantaj klasoj kontraŭ ribeloj de la ceteraj. Sed ekzistas aukoraŭ io pli : estas vere ĉe multaj homoj, eĉ en la popolo mem, ia sento aŭ kutimo kvazaŭ armeoj estus la plej certa protekto kontraŭ eksteraj danĝeroj, la fonto de sekureco.

Kompreneble temas pri la hejma armeo. Nu kio estas fonto de malsekureco, de timo ? Ĝenerala respondo : la armeoj de la najbaraj ŝtatoj. Do se oni — per interkonsento — forigus ĉiujn armeojn samtempe en kvar etapoj, kion vi timus poste ? Ofta respondo : ke la aliaj ne senarmiĝus tiel honeste kaj plene kiel ni mem, tiam ni riskus terure. Do la sento estas malfido kaj la bezono estas kontrolo.

Rimarku tion : en la interna vivo de la urboj la senarmigo estas ĝenerale realigata, ne ĉie, sed en multaj lokoj. La individuoj kutimiĝis ne plu dueli kaj ne konstante timi alies atakojn. Kiel ili atingis tiun ĝeneralan senton de sekureco ? Tion ni povus ekzameni en venonta artikolo.



*Koran bondeziron okaze de la*
*NOVA JARO !*
*Centra Oficejo de UEA*
*Sekretariejo de I. C. K.*

**Samideanoj en malproksimaj landoj kiuj neniam aŭ malofte aŭdas fremdan esperantiston paroli kun ili la lingvon, akiru la diskon — TRI-ERGON — kun modelparoloj de D-ro Edmond Privat.**

## ORIENTO KAJ OKCIDENTO

# Tutmonda Interreligia Kongreso por Paco.

**Hago 30 Julio — 1. Aŭgusto 1928.**

**Oficiala nura tradukilingvo : Esperanto**

*Ni ricevis pri tiu temo leteron el kiu ni elĉerpas la jenon :*

... Jen kongreso, kiu estus tre interesinta D-ron Zamenhof, ĉar li donis grandan atenton al la religia elemento en la problemo pri malpaco inter homoj kaj gentoj. Oni memoru lian faman raporton al la Universala Kongreso de rasoj en Londono. Estas interese, ke la organizantoj de la Kongreso en Hago intencas enskribi sur la tagordon lian proponon pri Homaranismo, t. e. neŭtrala etika bazo inter homoj diversgentaj.

Samtempe estas ankaŭ tute taŭge, ke tia diskuto okazu en ekstera kongreso, kie nia lingvo estos uzata por traduki ĉiun nacilingvan paroladon same kiel en Praha ĉe la Paceduka Konferenco, sed sen ia rilato kun la oficiala esperantista movado, kiu zorgas nur pri la l i n g v a flanko de la pacproblemo en la mondo.

Sendube multaj esperantistoj tre interesiĝos pri tiu kongreso kaj haltos en Hago survoje al Antverpeno, sed ili faros tion tute private kaj libere laŭ siaj personaj konvinkoj aŭ deziroj. Ni ne rajtas forgesi ke la religia paco inter gentoj interesis D-ron Zamenhof eĉ multe pli profunde ol la sukceso de helpa lingvo, kiun li konsideris nur kiel rimedon, ne kiel celon. Sed ni ankaŭ ne rajtas forgesi ke siajn personajn ideojn kaj esperojn sur tiu kampo li zorge apartigis de la oficiala esperantista movado, ĉar li bone komprenis, ke ne ĉiuj adeptoj de lia lingvo ŝatas aŭ deziras interesiĝi je tiu alia klopodo lia.

Kontraŭe troviĝas certe ekster la esperantistaro multaj homoj kiujn ĝis nun tute ne interesis la lingvo de D-ro Zamenhof, sed kiuj sentas sin profunde liaj samideanoj en lia homaranisma celado.

Tial estas tute taŭge, ke tiu-ĉi afero aperu kiel unu punkto en ĝenerala ekstera kongreso dediĉita al interkompreniĝo inter la grandaj religiaj, spiritaj kaj etikaj movadoj en la mondo favore al intergenta paco. Kompreneble estas ankaŭ taŭge, ke Esperanto servu tie kiel sola tradukilingvo kaj propagandiĝu per la forto de l'ekzemplo.

La Haga Kongreso vekos sendube grandan entuziasmon en multaj rondoj, ĉar ĝia ideo flugas nun « en la aero ». En la hinda urbo Benares ĵus fondiĝis societo por konatigi kaj kompreni la diversajn religiojn unu al alia Oni aĉetis grandan terpecon, sur kiu Kristanoj, Buddhistoj, Hebreoj, Mahometanoj, Hinduoj, Zoroastrianoj k.t.p. konstruos siajn preĝejojn en harmonia rondo ĉirkaŭ unu centra loko kie renkontiĝos kune ĉiuj bonvolaj homoj konfesantaj la spiritan unuecon de la Konscienco morala. Hinda delegito de tiu societo partoprenos en Hago. Ankaŭ partoprenos reprezentantoj de la etikaj liberpensaj rondoj.

Pensante pri la persekutoj de Ku Klux Klan en Usono kontraŭ la katolikoj aŭ pri la teruraj konfliktoj nun okazantaj ne nur en Azio, sed ankaŭ en orienta Eŭropo pro diverseco de religiaj moroj kaj suspektemo inter gentoj, oni povas facile kompreni ke tiu problemo priokupas nun multajn homojn kaj igos la Hagan Kongreson sufiĉe grava.

*L. O.*

---

*Buddhista rekomendo :*

Oni kulturu bonvolon al la tuta mondo, menson sen limoj, sen baroj, sen malamo, sen malamikeco. Tia vivmaniero estas la suprega bono. Sutta-Nipata 150-151.

*Kristana instruo :*

Havu fratan amon. I Petro III. 8.

*Hebrea profetaĵo :*

Venis la tempo kolekti ĉiujn gentojn kaj popolojn ke ili venu kaj vidu mian gloron. Jesaia LXVI. 18.

*Konfucia konstato :*

Inter la kvar maroj ĉiuj estas fratoj. Analektoj 12.5.4.

*Hindua revelacio :*

Al vi mi malkaŝas tiun-ĉi sanktan misteron : Nenio estas pli nobla ol homaraneco. Mahabharata 12.300.20.

*Gainista ordono :*

Starigu la religion de la leĝo bondona al ĉiuj vivaj estaĵoj en la tuta universo ! Kalpa Sutra.

*Mahometa kredo :*

Al Dio apartenas Oriento kaj Okcidento. Koran II.109.

*Sikhista teksto :*

Eklezioj, instruantoj, instruoj estas pluraj. La Instruanto de instruantoj estas unu, Liaj formoj pluraj. La suno estas unu, la sezonoj pluraj. Sennombraj estas la manifestaĵoj de la Kreinto. Adi Granth Sohila 2. 1-2.

*Zoroastra deziresprimo :*

Ni estu mem ili, kiuj helpu la mondon progresi ! Jasna 30.9.

**Piednoto.** — Esperantistoj dezirantaj partopreni povas turni sin al S-ino Isbrücker, 32 Oostduinlaan, Den Haag, Nederlando, plej bone informata pri la tuta afero.

---

**20-a Jubileo de UEA kaj 20-a Kongreso de ESPERANTO. Ĉu vi pensis pri la partopreno ? Se jes ne hezitu kaj aliĝu. Uzu aldonitan aliĝilon...**

# Sun Jat-Sen kaj lia instruo

Ekzistas nuntempe en Ĉinlando nenia libro kiu estas pli disvastigata kaj ŝatata ol la verkaĵo de Sun Jat-Sen « Tri Fundamentaj instruoj pri la popolo ». Ĝi estas deviga instruilo lerneja en la suda teritorio kaj eĉ ĝis la manĉuria provinco, ĝia influo sentiĝas. Kiu deziras konatiĝi kun la idea mondo de la nuna ĉina inteligentularo, ne povas malatenti tiujn fundamentajn instruojn. Ne koni ilin estus same, se dum la tempo de Oliver Cromwell oni volis formi al si ideon, pri la brita revolucio, ne konante la biblion, el kiu puritanoj ĉerpis la forton kaj devenigis la rajtigon de ilia klopodado. Tiel skribis la « North China Daily News » brita gazeto en Ŝanghajo, certe ne amike rilatanta al la ĉina naciularo.

Siajn « Tri Fundamentajn instruojn » Sun Jat-Sen evoluis en 16 prelegoj faritaj 1924 ĉe la universitato en Kanton. Devis sekvi du pliaj. Sed la politikaj okazaĵoj kaj lia morto ne permesis plenumi tion. Kio nun estas tiuj-ĉi tri fundamentaj instruoj kiuj laŭ efiko memorigas paralelon tiel ke oni povus diri — Paroladoj al la ĉina Nacio — analoge al la voko de filozofo Fichte — Paroladoj al la germana nacio ? — Laŭ la titolo la verko dividiĝas en tri partoj, en kiuj tamen ripetiĝas iuj detaloj.

## I. La popolo kiel nacio.

Kiel fundamentan penson ni trovas la jenon : Unuflanke ĉino rajtas fieriĝi konsiderante la altan situacion kiun havis la lando dum jarmiloj, en epoko kiam el la nunaj mondpopoloj neniu ekzistis. Ne nur per sia morala kulturo kaj filozofiaj pensoj, ankaŭ en la scienco kaj tekniko, igintaj la okcidenton tiom superreganta, la ĉinoj ja multe superis ĝin. Ja eltroviĝis tiom da gravaj produktaĵoj kaj eltrovaĵoj kiel silko, teo, porcelano, kompaso, presado, pulvoro, pendantaj pontoj.

Despli tragedia estas la aspekto de la lando nuna. Ĝi troviĝas ĉe la abismo. Tri danĝeroj minacas ĝin. Unua la ne pliiĝanta nombro de la popolo, fakto ekzistanta jam de preskaŭ jarcento. Dum sama epoko la cifero de la loĝantaro en Usono pliiĝis je la dekoblo, en Ruslando je la kvaroblo en Britlando kaj Japanio je la trioblo kaj en Germanio je la 2,5 oblo. Post cent jaroj kalkuliĝos 10 amerikanoj kontraŭ kvar ĉinoj. Sensave Ĉinio estas kondamnita al politika pereo. La dua danĝero estas la ŝtata perforto kiun suferas la lando per la eŭropanoj, kio ne estas estonteco sed reala nuda estanteco. La forpreno de tiom da provincoj, la fremdaj kolonioj kaj koncesioj kaj la kontraktoj je malsama bazo. La tria danĝero estas la ekonomia perforto. Ĝi kaŭzas ke la ĉina komerco dum jaroj restas pasiva kun proksimuma jara cifero de 500 milionoj da dolaroj. Tio sekvigas, ke jare la ĉina popolo pagas tributon de 1,200 milionoj da dolaroj al la eksterlando. Ĝi signifas ankaŭ ke post dek jaroj ĉiu ĉino pagas al eksterlando imposton de 7,5 dolaro. « Nia lando estas kolonio kaj ni mem la sklavoj de ĉiuj popoloj ».

Sed kiel povis okazi, ke Ĉinlando venis en tian situacion ? Ĉar la ĉinoj ne posedas nacian senton aŭ komprenon aŭ ĉar ili ĝin perdis. Tiel, malgraŭ la firma familia solidareco, la ĉinoj estas kiel sablo laŭ ŝtata konsidero. « Ĉu savo ekzistas »?, jen la demando. La respondo estas: « Nur se la popolo decide akceptinta la » *Tri fundamentajn instruojn* kaj kredanta je ili, mem serĉos la vojon por la saviĝo ». Sekvas nun admonoj, malfermi en lasta horo la okulojn por vidi la minacantan pereon kaj per reakiro de la ŝtata ideo refariĝi NACIO.

## II. La Nacia Povo.

Povas esti nur demokratio kiel ŝtata formo kaj kial Ĉinlando en kiu naskiĝis la demokrata ideo antaŭ du jarmiloj ne povus esti matura por tiu-ĉi formo de regado ? Sed la devizoj sub kiuj naskiĝis la okcidentaj demokratioj « Libereco kaj egaleco » ne taŭgas por la ĉino. Ili estas kompreneblaj por la okcidento, kie la malegaleco kun la ekzisto de reĝoj, dukoj princoj kaj grafoj estis io memkomprenebla kaj kie la persona libereco de la individuo estis katenita eĉ ĝis la pensoj. En Ĉinlando kontraŭe la feodala sistemo estis forigita jam antaŭ dumil jaroj, kaj kvankam regita de monarko, la popolo estis absolute libera kondiĉe ke ĝi plenumis la ordinarajn civitanajn devojn.

La dependeco sub kiu suferas la ĉina popolo estas grandega interna kaj ĉiam pli kreskanta malriĉeco. Liberecon havis la ĉino sufiĉe, eble eĉ tro. Pro tio li ne komprenas kion signifas «batali kaj morti por la libereco». Vera demokratio ja unuflanke enfermas en si mem la ideon de libereco kaj egaleco.

Kia regoformo garantias nun al la ĉino plej bone la veran demokratecon ? Ne tiun okcidentan, el elektoj rezultanta reprezenta registaro. La ĉinoj kopiis post la revolucio tiun ŝtatan formon, sed faris la plej malbonajn spertojn. La monavideco kaj aĉetebleco de la regantoj elektitaj, malbonfamigis la tutan sistemon. Ne nur kontrolo per leĝdona organo sed rekta kontrolo de la registaro per la popolo estas necesa. Kiel modelo povus servi Svislando kaj iuj ŝtatoj de la Uniono Nordamerika. Al la popolo estas donota jenaj povoj : Elekti kaj malelekti ŝtatan oficistaron, proponi kaj forigi leĝojn.

La plenpovo de la registaro estas : 1. La administrado ; 2. la leĝdonado ; 3. la juĝado. Al tiuj tri kutimaj plenpovoj la ĉina popolo povos aldoni du tre originalajn aranĝojn : La publika ekzamenigo por trovi la plej bonajn talentojn el la popolo kaj la cenzuradon, t. e. la kontrolo de la registara agado. Per tiuj plenpovoj oni atingas : registaron de la popolo per la popolo kaj por la popolo.

## III. La vivfundamentoj de popolo.

La plej grava problemo en Ĉinlando estas la nutrigado. La lando ne produktas sufiĉe por satigi la loĝantaron. Malgraŭ tio oni eksportas ĉiujare grandan kvanton da nutraĵoj dank' al la fremda volo kiu ne permesas, ke la registaro ĉesigu tion per pli alta dogana tarifo eksporta. Necesas intensigo de la produktado. Urĝas enkonduki principojn de agrikultura tekniko moderna por igi la kampojn pli fruktodonaj. Apud tio necesas pli justa dispartigo de la posedata tero. La problemo de la kulturebla tero estas do grava, kaj atendas solvon. Ne ekzistas grandaj posedaĵoj feodalaj. La lando estas tipa por la ekzisto de la malgranda kamparano aŭ agrikulturisto. Sed tiuj agrikulturistoj ne posedas la teron, kiun ili prilaboras en severa servuto por la posedanto. Sed ĉiu devus ĝui la efikon de sia laboro. Pro tio necesas, sen ke okazu perforta senpropriigo (malposedigo) ke oni

apliku jenajn regulojn : 1. Imposto de la grundo laŭ la valoro fiksita de la posedanto ; 2. La rajto de la registaro aĉeti tiujn posedaĵojn tuj laŭ la valoro montrita de la posedanto ; 3. Transigo de ĉiu nemeritita gajno el la terposedo ekzemple el spekulacioj favore de la komuneco.

La neceso de tiu-ĉi postulo praviĝas per tio ke ekzemple en Ŝanghajo la nuna valoro de la tero kreskis je la dekmilfoja originala valoro. Kiel plia malhelpo por la ekonomia evoluo denove montriĝas la kontraktoj kun la eksterlando. Ili ekzemple kaŭzas ke ĉinaj kotonaĵoj estas vendataj interne pli altpreze ol la enportitaj. Ne estas permesate, ke la Ĉina registaro defendu sin per dogana tarifo kiel ekzemple Germanio laŭ kio tiu-ĉi lando povis evolui gigantan industrion ne malhelpitan de la frue potenca industrio brita. Konkludo : Forigo de la neegalaj kontraktoj. Forigo de la politika kaj ekonomia dependeco.

* * *

Ne estas eble citi ĉion el la riĉa materialo kiun kunportis Sun Jat-Sen. Valorus ekzameni detalojn, ekzemple opiniojn pri Sovetruslando aŭ la komunismo. Kritika ekzameno de tiuj opinioj estus valora. Ĉiuokaze la 16 paroladoj de l'patro de la ĉina revolucio meritas esti konataj jam pro la influo kiujn ili havis en la ĉina naciula movado. Ili formas realan bazon por ekkompreni la disajn fluojn en tiu-ĉi movado, konsiderata de multaj eŭropanoj kiel komencon de vekiĝo kaj ankaŭ kiel danĝeron. Laŭ N. Z. Z. — H. J.

*** Germana traduko de la unua parto de la verko aperis ĉe Schlieffen Verlag en Leipzig. Tradukis lektoro D-ro Can Wan.

## NOTOJ

*Mona reformo en Brazilo.* — Leĝo pri la mona reformo estas antaŭ nelonge voĉdonita en Brazilo. En sia unua raporto prezentita al la Parlamento, S-ro Washington Luis, Prezidanto de la Respubliko, skribas, ke, analizante tiun leĝon, oni vidas ke :

I. — Oro estas akceptita kiel normo de la brazila mono, por anstataŭigi la devigkurzan papermonon.

II. — Tiu normo havas sian pezon laŭ gramoj kaj laŭ dividebla kvanto, por ke la brazila mono konformiĝu ankaŭ al la decimala metra sistemo.

III. — Ĝi havos 900 milonojn da pura oro kun 100 milonoj da taŭga almiksaĵo, laŭ la voĉdonita decido de la Universala Kongreso de Romo, en 1925 ; tiamaniere Brazilo konkuras siaparte por la unuformigado de la mono en la tuta mondo, kio pli aŭ malpli baldaŭ estos realigita.

IV. — Estas kreita « Kaso de Fikseco » por malebligi la ruinigan leviĝon de la monŝanĝo.

V. — Estas rajtigitaj la monŝanĝaj spekulacioj por malebligi la malleviĝon, ne malpli ruinigan.

VI. — La leĝo estigis la ŝanĝeblecon de la tuta nuna konfida moncirkulado, ĉu registara, ĉu banka, laŭ fiksitaj bazoj, kaj kreis por tiu celo la necesajn rimedojn.

VII. — Ĝi permesis la reformon de « Banko de Brazilo » por ĝin aliformigi en ekonomian regulilon de la lando, kiel bankon eldonantan ŝanĝeblan monon, kun ora bazo; la Kaso de Fikseco kaj la specialaj monŝanĝaj spekulacioj estos tiam komisiataj al la Banko, kaj ĉi tiu havos ankaŭ la aliajn komisiojn necesajn al tia kredita institucio, kiun iu lando, ekonomie organizita, neniam flanklasis.

VIII. — Ĝi kreis, por la metala cirkulado, la *cruzeiro'n* (*) (dividitan en centonojn), oran moneron, taŭgatempe fabrikotan, kies pezo kaj konsekvenca valoro estos tiam fiksitaj, sed sur la bazo de 2000 miligramoj da oro (laŭ la proporcio de 0,900) po milrejso (la milrejso egalvaloranta 5 — 57/64 pencojn-angla mono). Tio signifas, ke kiom da fojoj 0,200 gramoj kuniĝos por fari la moneron *cruzeiro'n*, tiom da milrejsoj valoros tiu *cruzeiro*, kiu korespondos al tiom da fojoj 5 — 57/64 pencoj. Tiamaniere, se por la monfabrikado oni prenos dek fojojn 0,200 gramoj, la *cruzeiro* pezos dugramojn, korespondos al 10 milrejsoj kaj valoros 58 — 58/64 pencojn.

S-ro Washington Luis diras, ke la ekzameno de la nova leĝo montras, ke la reformo havas tri precizajn sinsekvajn fazojn, kiuj ne konfuziĝas kaj ne trorapidiĝas :

1. La fiksado, ĝuste nomita, kiu preparas la ŝanĝeblecon.
2. La ŝanĝebleco, kiu faras la metalan cirkuladon.
3. La fabrikado de la *cruzeiro*, kiu montras la oran cirkuladon.

Laŭ la sistemo adoptita oni ne povas fabriki la *cruzeiro'n* antaŭ ol la ŝanĝebleco, nek starigi la ŝanĝeblecon antaŭ ol la fiksado de la valoro. Tial, oni ne rajtas postuli, ke la ora *cruzeiro* cirkulu ankoraŭ dum la fazo de la fiksado, kiam la ŝanĝebleco de la papero ne estas starigita.

Laŭ la plano de la nuna reformo, tiuj fazoj venas nature, unu post la alia, kaj ne estas submetitaj al nepraj antaŭefiksitaj periodoj. La ekonomiaj cirkonstancoj, la financaj rezultatoj kaj la politikaj konsekvencoj difinos ilian sekvadon kaj daŭron. Pro tio, la leĝo ne fiksis la datojn de la ŝanĝebleco kaj monfabrikado; kontraŭe, ĝi lasis tiun taskon al la registaro. Tamen, laŭ la leĝo, la ekzakta dato de la ŝanĝebleco estos anoncita per dekreto ses monatojn antaŭ ĝia efektiviĝo; kaj post la ŝanĝebleco alia dekreto ordonos la fabrikadon de la *cruzeiro*.

*Carlos Dominguez.*

*La floro de l'neĝo.* — Oni kredis iam ke en la regionoj de la eterna glacio, ĉia organisma vivo estas neebla. La plej altaj punktoj de la Alpoj kaj la Polusaj regionoj laŭŝajne estis malbenitaj de la naturo. Nun ni scias, ke krom kelkaj insektoj kaj vermoj ankaŭ plantaĵoj sukcese luktas pro la vivo en tiuj senesperaj regionoj.

La unue konata kreskaĵo estis la « Ruĝa Neĝo » — Sphaerella nivalis speco de algoj. Pro ĝia eksterordinara aspekto ĝia nomo — *La floro de l'neĝo* — ne estas nura poeziaĵo.

Unuafoje trovis tium kreskaĵon la ĝeneva naturesploristo de Saussure sur monto Brévent en Savojo en la jaro 1760. Pli malfrue li trovis ĝin ankaŭ sur la Sta. Bernhardo. Kapitano John Ross trovis ĝin 1918 en la Arktika Ameriko. Kelkaj klipoj ĉe Okcidenta bordo de Groenland estis nomitaj — Crimson Cliffs — kio signifas « Karmenruĝaj klipoj » pro tio ke ili estas kovritaj per tiu-ĉi kreskaĵo. Tre ofte oni renkontis la ruĝan neĝon en la eŭropaj polusaj regionoj.

La ruĝa neĝo ne apartenas nur al unu speco de la Sphaerella nivalis. Estas diversaj specoj da algoj kiel Phykochrom algoj, diatomeoj Desmidiaceoj kaj alia. Ĉiuj estas unuĉeluloj. Mirige estas, kion tiuj kreskaĵoj plenumas por ekzisteti. Dum la somero sukcesas la suno iom fandi la glacion. Formiĝas tavolo de akvo, miksita kun glacio kaj neĝo. Ĝia temperaturo malofte superas nulon da grado, sed ĝi sufiĉas por evolui tiujn-ĉi modestajn kreskaĵojn. Nokte la akvo glaciiĝas denove. Tamen tio ne malhelpas la plantaĵeton. Persisteme ĝi luktas kontraŭ la eterna neĝo kaj samtempe fortiĝas per la fandiga efiko de la suno. Pli akra estas la kondiĉoj dum la vintro kiam la temperaturo atingas ĝis 30 kaj eĉ pli da gradoj sub nulo. Malgraŭ tio la Ruĝa neĝo plimultiĝas abunde. La formoj ne povas ésti superataj eĉ de plantaĵoj en milda klimato. Krom la kapablon elteni dum la malvermego, la plantaĵo povas resti sen akvo dum kelkaj monatoj. Sub la influo de iom da akvo lumo kaj varmo la plantaĵo rapide evoluas.

(*) Elparolu kruzejru. « Cruzeiro » signifas portugale — granda kruco. Tio aludas al la stelaro « Suda Kruco », kiu, oni scias, estas bonege vidata sur la brazila ĉielo.

# LITERATURO

## Sinjoro Zakario

de *Philippe Monnier.*

(Philippe Monnier, filo de franca literaturisto Marc Monnier, naskiĝis en Genevo kaj mortis tie antaŭ la mondmilito. Li konatiĝis per pluraj verkoj iom similaj al tiuj de Toepffer per dolĉa bonhumoro. Li ankaŭ publikiĝis du verkojn pri Venezia dum XVIII-a centjaro kaj la XIV-a centjaro (pri itala literaturo)

Sinjoro Zakario estas malgaja viro.

Kvankam li havas nenian kaŭzon por plendi, ĉar li posedas bonhavon, libertempon, sanon, edzinigis la filinojn kaj provizis la filojn, tamen tia li kreiĝis : Malgaja li estas. Kiam li aperas ie, malvarmo sentiĝas.

Alta, rekta, malgrasa, razita, rigida, sombra, seka, severa, li estas por tiel diri « homo bele konservita ». Laŭ lia longeco, glacia korekteco, zorgplena pureco, vi lin kredus ia « Lord ». Fakte nur la Anglojn li iom indulgas, ĉefe se iu ajn en lia ĉeesto kuraĝas ilin ataki. Li ŝatas tiun liberan popolon, ĝiajn instituciojn, ĝiajn entreprenojn, lernejojn, morojn, ŝtofojn, sportojn, ĝian bonhumoron kaj ĝian memregadon. En sia ĉambro li konservas portreton de generalo Wellington. Nur li neniam sukcesis kompreni la danĝeran politikan karieron de Sinjoro Gladstone kaj sentis sin malĝenita ĉe la morto de tiu agitanto.

Ĉiam funebre vestita, plej ofte pala, Sinjoro Zakario fariĝas flava kiam printempo revenas kaj tiam li ŝajnas skulptita el ligno. Sed kiam li legas la kontraŭpartian gazeton, li fariĝas verda. En la publikaj parkoj li tiras orelojn de l'petoluloj kiuj permesas al si ĵeti ŝtonojn al arboj. Ĉe la Societo Biblioteka, li intence dormas super tiuj gazetoj, kiujn la junuloj avide atendas. Ĉe la Historia Societo, li ridaĉas inter du malplenaj seĝoj pri la verkaĵoj de l'ceteraj...

Riĉa, estimata, honora rubandulo de plej inda asocio, administranto de Komerca Banko, eĉ trifoje ano de l'Komitato de plej altranga ĵurnalo, Sinjoro Zakario havas ĉion por esti feliĉa. Li ne estas feliĉa. Li plendas. Li havas por plendi. Ŝajne li alproprigis al si la vorton de Pascal : « En ĉiu skribaĵo kaj dialogo necesas ke oni povu diri : Pri kio vi plendas ? »

Kvazaŭ el pano li sin nutras el plendemoj, malkontentoj, duboj, suspektoj, malĝojigoj, zorgoj, maltrankviligoj, ĉagrenoj, turmentoj. Li serĉas pro plezuro la okazojn por grumbli kaj kaŭzojn por koleri. Ekzemple neniu lin devigas legi la kontraŭpartian gazeton; ĝin li ne abonas. Tamen ĉiumatene li ĝin aĉetas en kiosko kaj ĉiumatene tiu legado lin korfrapas. Ankaŭ vere post lego de tiu foliaĉo, li ne diras je kio li ĝin uzas.

Foje, en mezo de interparolo, kiun li ne partoprenis, subite lia voĉo eksonas neatendite kaj akre. Poste li silentas. Kiam li silentis, ĉio silentas. Oni okulumas unu al alia, oni per rigardo demandas sin en la rondo kial tia akreco, kial tiel subita ekkolero, ĉar nenio en la priparolita temo povas ilin motivi.

Ho ve, ili venas el malproksimaj kaŭzoj, el malklaraj cirkonstancoj, el historiaj kaj malnovegaj faktoj, kiujn forgesi povas nur frivola memoro. Ili venas el la nuligo de l'Nantesa dekreto, pro kio la urbo pleniĝis je fremduloj, el la restado de malpia Voltaire en Ferney, el la loĝado de fremda ambasadoro en Grand'strato. Ili devenas pli speciale el publikaj okazintaĵoj, kiuj depost duoncentjaro koaliciis por malbonigi por ĉiam la humoron de Sinjoro Zakario.

Nia lando marŝas al ruiniĝo. Malaperas la civitanaj virtoj. Perdiĝas kuraĝo. Koruptiĝas moroj. Malmultiĝas naskoj en familioj. Oni detruis la urbajn ĉirkaŭmurojn. Oni konstruis teatron. Oni akceptis malaprobindan konstitucion. Oni enmetis fremdan stacidomon. Oni aldonis turon al la ĉefpreĝejo. Oni enkondukis vetludojn. Vespere ne plu aŭdiĝas la bruo de l'pordegaj ĉenoj. La nacia festo fariĝis karnavalo. Plezuro nun similas diboĉon. Ĉie nur honto, skandalo : senhalta spekulacio, hazardludo, ĉevalkuroj, maldecaj teatraĵoj, malmoralaj priparoloj ; banko ŝtata ; fervojoj ŝtataj ; anarkio, pornografio ; kvar kafejoj en unu vilaĝo... jen kial Sinjoro Zakario estas kolerega.

Kontraŭ tia stato, Sinjoro Zakario, elstarante kiel vivanta riproĉo, protestas.

Li protestas per sia ĉeesto, per sia funebro, per sia muteco. Li protestas kontraŭ socialismo, burokratismo, industriismo, alkoholismo, skeptikismo. Li protestas kontraŭ la leĝoj de 1873, kontraŭ la Urba Kazino, kontraŭ la modernaj skulptaĵoj, kontraŭ la pentraĵoj de Hodler. Li protestos ĝis lasta spiro...

---

## Lia opinio pri knabinoj

de *Philippe Monnier.*

Grioleto (apenaŭ 12-jara) ne ŝatas knabinojn.

— Blaise, diris al mi Griolet, ili ne scias montri pugnon. Ili ne scias ĵeti ŝtonojn. Ili ne scias gliti sur glitejoj ; iom ekkurinte, anstataŭ ekflugi, ili faras salteton.

Ili timas ĉion, fulmon, abismojn, vermojn, bufojn, nokton. Kiam tondras, ili ŝtopas siajn orelojn per la fingroj. Foje ili eĉ forkuras kaj iras sub liton por kaŝiĝi. Kanonpafo igas ilin palaj. Pro vesperto ili blekas. Ili ne estas lojalaj.

Ili ne havas pli da forto ol etulo, ŝajnas kvazaŭ ili havus betsukon en la vejnoj : tuj post momento jam lacaj. Neniam ci vidos ilin riski sin ĉu sur breto, ĉu sur arbo plej

supre, ĉu malsupre en subtera pasejo. Ili ne konas riskon. La tutan tempon ili krietas kiel birdetoj.

Ili skrapas per ungoj. Konfidi al ili sekreton, Blaise, pri tio vi eĉ ne pensu. Pli simple ci disbleku ĝin sur la vendoplaco. Ci povas esti tute certa ke post unu horo ĝi estos ripetata. Ili ne povas konservi sekreton. Neeble.

Nenia forto, nenia kuraĝo, nenia riskemo, nenia digneco, neniom. Kiam ili koleras inter si, anstataŭ klarigi tuj la aferon rekte, lojale, aŭ fini la diskuton per bona pugnobatalo, kiel ni, ili silente malafablas. Ili povas tiel malafabli dum tutaj tagoj, dum semajnoj, eĉ monatoj, ne plu parolante kune.

Pro nenio ili ploras, pro birdo, pro rakonto, pro fadeneto. Ili ne hontas plori. Larmoj ne naŭzigas ilin, nenion kostas. Eĉ iafoje ili nur kvazaŭas. Ci kredas ilin tre ĉagrenataj. Ci kompatas. Ci iras por ilin konsoli. La langon ili eltiras al ci.

Ĉiuspecajn simiaĵojn ili faras. Koketas. Nomas la instruiston « Sinjoro » kaj la instruistino « Sinjorino ». Marŝas dandumante. Ţenas unu l'alian ĉe talio. Interkisetas. Levas fingreton.

Ili kopias poemojn sur albumo. Metas kolonjan akvon sur la harojn. Faras ĉirkaŭkolojn per rozberoj. Ĉu oni scias iam ?

Ili imagas ĉion ajn. Pri ia ulo, kiu ludas fortepianon ili diras : « Ĉarma li estas. » Ili diras : « Rave, mirinde... » aŭ « terure ! ! » . Dumnokte se luno brilas, ili rigardas ĝin kaj silentas. Aŭ ili diras : « Dio mia, kiel adorinda estas la luno ! »

Nu, kion ili ne scias teni en paco, tio estas la lango. Devas iri la lango. Devas funkcii kaj funkciadi. La tutan tempon babiladi, revenante el lernejo, marŝante en grupetoj, ĉu duope, ĉu tute solaj antaŭ la spegulo kun riverencoj, en klaso, en korto, en necesejo, en strato, en lito.

Aŭskultu ilian paroladon : temas nur pri kravatoj de l'instruistoj, rubandnodoj, ringoj, aferetoj, etaĵoj, sensencaĵoj kaj ripetaĵoj. Nenio solida, nenio serioza. Nenio preninda tie.

Mi ne ŝatas knabinojn.

El franca lingvo, trad. *Edm. P.*

---

## La Nova Jaro

Originalo de *Clarence Bicknell.*

Kiel la sun' leviĝas el la limo
De l'horizonta nokta nebularo
Tiel kun lum' por ĉiu homanimo
Alvenu la Novjaro.

Kiel printempaj floroj ĉiun vojon
Ornamas kaj brilegas en l'arbaro,
Tiel al ĉiu kor' kaj lando ĝojon
Alportu la Novjaro.

Kiel trankvile malaperas l'ondo
Post la venteg' terura sur la maro,
Tiel dolĉegan pacon al la mondo
Redonu la Novjaro.

Do al ni venu, kaj ne plu foriru,
Ho lumo, ĝojo, pac' — ĉielbenaro !
Por ke renaskiĝinta tero diru
« Jen vera nova Jaro ».

***

## Abio altleviĝas...

*Heinrich Heine.*

Abio altleviĝas
Sur norda mont' izola ;
Ĝi dormas, dum ĝin kovras
Glaci' kaj neĝo mola.

Ĝi sonĝas pri la palmo,
Staranta en orient',
Sur roko sunbrulanta,
Funebre en silent'.

Trad. *Franz. Döring.*

---

## Pri „ Historio de Esperanto "

Oni ne konfuzu la uzon de Esperanto kun presaŭ plumeraroj. Kritikantoj de Historio de Esperanto (II-a parto) afable notis kelkajn eĉ sufiĉe gravajn. Sed ili bonvolu — eĉ pro respekto — ne tuj proklami ilin kvazaŭ novajn lingvajn formojn. Se la korektinto aŭ mi mem eraris, tio estas nur eraro, ne modelo.

Ekzemple en « Ginevra » siatempe mi erare skribis f r u m e n t o anstataŭ t r i t i k o, kaj n o b e l u l o anstataŭ n o b e l o. Nun certa vortaristo jam havas du belajn slipojn pri tiuj formoj. Ili estas nur eraroj. Same en Historio II mi skribis a d u l t u l o j anstataŭ p l e n k r e s k u l o j. Nepardoninda eraro. Zamenhof ie uzis adoltuloj, sed mi ne serĉas tie senkulpigon. Ankaŭ d e l a 2-a n d e A ŭ g u s t o » estas certe eraro, ĉu pluma, ĉu presa. Same « D-ro Zamenhofon » kaj ankaŭ. « Tion oni nomas la vivan ĉarmon de Esperanto ». Devus esti « viva ĉarmo » kompreneble.

Koran dankon al la indikintoj kaj indikontoj. En la komenca ĉapitro mi nomis S-ron Bulthuis kiel fondinton de « Holanda Pioniro » en 1903. Tiun honoron meritas S-ro Dreves Uitterdijk, nia malnova nederlanda pioniro, de kiu mi petas sinceran pardonon pro la ne intencita ofendo. Certe mi ankoraŭ tre bone memoras lian gazeton kune kun la R o n d i r a n t o el Bulgarujo kaj L a L u m o el Kanado.

*Edm. P.*

# TRA LA LIBRARO

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo: « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

*Atentindaj verkoj. — Aliaj literaturaĵoj. — Pri la XIX-a. Lernolibroj. — Diversaĵoj.*

De Esperanto-Fako, ĉe eldonejo Hirt & Sohn, venas tri novaj libroi, ĉiu grava en sia aparta celo, ĉiu tre valora. Malfeliĉe la malvasteco de leganta esperanta publiko ĝiaj tro modestaj rimedoj por libro-aĉetado, devigas eldonantojn al komprenebla singardemo : la sola bedaŭrinda ties sekvo estas iom alta prezo de la priparolataj libroj.

*Aŭstralio, Lando kaj Popolo,* originala verko, tre taŭge priskribas nian antipodan insulegon. La du aŭtoroj, unu aŭstraliano, S-ro Hyde, perfekte informita pri sia propra lando, kaj unu Finno, S-ro Laiho, longe tie vivinta, sed konservinta akran rigardon de fremdulo, diras senkaŝe la admirindaĵojn, kiel la malpli helajn flankojn de nova mondo. Ĉiu ĉapitro estas interesa, instrua ; ni unue vojaĝas ĉirkaŭ la kontinento, vizitante ĝiajn havenojn ; poste ni trairas la enlandajn kulturitajn aŭ ankoraŭ senhomajn regionojn ; ni ekkonas la morojn kaj kutimojn de l'loĝantoj, ilian troan inklinon al sportoj kaj vetoj, la politikan organizon de l'ŝtatoj kaj konfederacio, la intelektan medion, la vivkondiĉojn por enmigrantoj, la tragikan historion de l'indiĝenoj. Tre personaj juĝoj, detalaj informoj, bona stilo, igas tiun libron unu el la plej rimarkindaj el nia scienca verkaro. Belega serio da tridek tutpaĝaj bildoj, tre trafe elektitaj, estas same instruaj kiel la teksto. Kaj ĉion vestas luksa tolbindaĵo. Vera ornamo por biblioteko, belega donaco, ĉu al si mem, ĉu al aliulo. Oni tion memoru ĉe la proksima « festo de l'libroj », aŭ por kristnasko !

Ne malpli lukse prezentita, kaj inda je sama honorinda konsidero, estas la *Historio de la Lingvo Esperanto, 2-a parto,* de Privat. Estas vera plezuro legi tiun simplan, fluantan prozon, kaj revivi enpense la disvolviĝon de nia movado dum la ĵus pasintaj dudek-kvin jaroj. Se la unua volumo ĉefe parolis pri la naskiĝo kaj unuaj pioniroj de Esperanto, la nuna pli insistas pri la uzoj de Esperanto ĉe diversaj kampoj, pri ĝia socia graveco. Ni jam posedis kelkajn historiajn verkojn pri la unua periodo ; sed por la dua, la sciindaĵoj estis dise troveblaj en centoj da diversaj presaĵoj ; estis certe nefacila sed tre utila klopodado kunigi ilin, elĉerpi la plej gravan parton kaj el tiuj eroj formi tuton, kiun oni de nun tre oportune konsultos por ofta informiĝo. Sian celon bone montris la aŭtoro dirante en la antaŭparolo : « ... la du libroj helpu la novajn generaciojn iom pli funde koni kaj kompreni kiel semiĝis kaj kreskis el tero unu el la plej mirindaj greneroj de l'homa penso. » La libro estas lerte dividata en specialtemaj ĉapitroj ; la lastaj pri literaturo, evoluo de la lingvo, unueco kaj potenco de la lingvo, tre interesaj, sentigas la deziron de iam pli plena kritika verko pri la traktitaj punktoj. (Kial oni ne numeris la ĉapitrojn kaj notis la subtitolojn nur en la ĝenerala enhavtabelo ? Tiu nova aranĝo ne valoras la kutiman.) Pri la faktoj mem, neniu pli bone ol la aŭtoro povis kolekti ilin ; li kiel eble senpartie juĝis homojn kaj farojn ; li celis verecon kaj instruon kaj tial verkis sen serĉado al stila originaleco, kio estis sentebla en « Vivo de Zamenhof » ; sed lingvo klara, komprenebla, senpene legata ankaŭ atingas belecon, kiel per ĝeneralaj harmoniaj linioj simpla konstruaĵo ofte superas tro ornamitan arkitekturaĵon.

*La Zamenhof-Radikaro,* presigita sub direkto de E. Wüster, de P. Kirschke kaj liaj helpantoj, estas filologia vortkolekto prilaborita kun la sama funde konscienca zorgado, kiel la Wüster'a Enciklopedio, kies aldonaĵo ĝi estas. Ĝi listigas ĉiujn radikojn neoficialajn uzitajn de Zamenhof. Tiuj ja ankaŭ estas montrataj en la Enciklopedio ; sed ties presado daŭros ankoraŭ sufiĉan tempon ; oni deziris tiun liston pli frue, kaj plie, ke la loko kie troviĝas ĉiu radiko estu montrata. Tiun deziron plenumas la Radikaro. En la klarigaj antaŭparoloj, ĉefe atentinda estas la studo pri « Grado de Esperantiĝo », kiu utile helpos al ia estonta ĝenerala solvo pri la demando : propraj nomoj en Esperanto. La Radikaro mem estas triparta : « Zamenhofa parto » koncernas la tekstojn certe verkitajn de nia majstro mem ; « Krestomatia parto », tiujn de la aliaj artikoloj de Fundamenta Krestomatio ; « Esperantista parto », tiujn aperintajn en nia unua revuo : La Esperantisto. Ŝajnas bedaŭrinde, ke ties tuta kolekto ne povis esti ekzamenata kaj precipe, ke oni ne povis atendi, por kompletigo de l'verko, ŝlipigon de l'laste aperintaj verkoj de Zamenhof, t. e.: Fabeloj de Andersen, 2-a parto kaj ĉiuj ne antaŭe aparte eldonitaj libroj de la Malnova Testamento. Tia, kia ĝi estas, la Zamenhofa Radikaro estos konsultata por ĉiu scienca studo pri Esperanta vortaro ; ĝi estos necesa laborilo en mano de niaj prilingvaj spertuloj kaj komitatoj.

---

De tempo al tempo ni ŝatas rigardi nian portreton en spegulo, ĉu por admiro, ĉu por propra moko. Tion ankaŭ faras libroj kiel *El la intima libro de la Verd-urbaj Esperantistoj* de Ada. En tiuj rakontoj aŭ scenetoj pri la ĉegrupa vivo, la aŭtoro ŝajnigas, ke li kopiis partojn de notlibro, en kiu samideano skribis siajn impresojn. La enhavo mem malhelpas akcepti tiun supozon ; la lingvo estas tre bona, la humoro ofte tikle agrabla ; sed ne plaĉas kelkaj partoj, ĉu ĉar ili aljuĝas gravecon al aferoj sensignifaj, ĉu ĉar iaj personaj intimaj pensoj ne belaspektas tro nude montrataj ; ekzemple la teatraĵeto « Reveno » estus nekomprenebla de neesperantistoj, sed ankaŭ neludebla antaŭ samideanoj kiuj hontus pri si. La libron oni presis sur malbelega papero. (Ĉu diri : la fraŭlino N., kiam ĉeestas tiu persono, estas eraro aŭ malĝentilaĵo ?)

*Popularaj kantoj en Japanio* enhavas poezietojn de deko da kantoj tradukitajn el Japana lingvo ; kredeble akompano de la muziko plivalorigus tiujn ne tre sencplenajn tekstojn. Ankaŭ pli ampleksa devas esti la verketo por iom malvualigi la animon de malproksimaj landanoj.

---

Nia lasta universala kongreso kompreneble okazigis aperon de ĉirkaŭkongresaj presaĵoj.

Inter ili la *Kongresa Libro* estas interesa, eĉ por nekongresintoj, ĉar krom programo de la XIX-a kaj priskribo de Danzig, la jaraj raportoj de I. C. K. kaj de UEA detale informas pri la laboro kaj nuna stato de niaj organizaĵoj, kaj tiuj de Lingva Komitato kaj Akademio, precipe la gramatika studo de S-ro Lippmann pri « Adjektivo atributa aŭ predikata », kiel ankaŭ la konsiloj de S-ro Privat pri elparolo, meritas ekzamenon en ĉiu esperantista klera rondo.

*Pollando kaj Danzig* estas ilustrita gvidlibro kun multaj bonaj bildoj, kiuj pli interesigas tekston pli informan ol literaturan, kio ja estas atendebla. La ĉefaj urboj aŭ

vidindaj lokoj de Pollando estas historie, arkitekture aŭ pejzaĝe priskribataj en tiu plaĉa, sufiĉe ampleksa eldonaĵo.

En *Libera Urbo Danzig* estas klarigata la organizo jura, politika kaj ekonomia de la libera urbo, kun belaj ilustraĵoj. Interese estas ekkoni detale la kreon kaj situacion de tiu ŝtateto, almenaŭ laŭ areo. (Ĉu la uzita esprimo : « en ĉiu opa kazo » povas vere signifi : en ĉiu aparta okazo ?)

*La Haveno de Danzig priskribata per ciferoj* estas statistika tabelo pri la ekonomia graveco kaj progreso de l'granda haveno importa, eksporta kaj transita, kun du bildoj.

---

Per la *Kleines Lehrbuch*, S-ro A. Degen liveras novan tre lerte aranĝitan unuan lernolibron por Germanoj Ĉiuj tekstoj, dialogoj, leteroj, kune konsistigas kvazaŭ solan historieton ; marĝena traduko ebligas memlernadon; la gramatikaj lernaĵoj estas sinsekve grade prezentitaj, dum dua parto kun plurigoj, taskoj kaj ekzercoj povas helpi aŭ anstataŭi la laboron de kursestro.

Instrulibro kun tekstoj Esperanta kaj nacilingva apudmetitaj estas ĉiam efika, kaj se tiuj tekstoj estas kolekto da amuzaj spritaĵoj, vere, kiel diras la moto, oni povas ridi lernante kaj lerni ridante. Jen la kvalito de *Welthumor in Esperanto*, la nova eldonaĵo de D-ro E. Pfeffer ; tamen la deziro al plene komparebla laŭvorta traduko instigis uzi neologismojn aŭ frazojn ne senriproĉeblajn.

Du belaspektaj lernolibroj, verkitaj tute en Esperanto kaj do ĉie uzeblaj, venas de Belgujo. *Ilustritaj Rakontetoj* enhavas 18 rakontojn kun rilataj bildetaroj kaj estos tre taŭga ĉe perfektiga kurso aŭ grupkunvenoj, ĉar ĝiaj serioj da demandoj ebligas paroligi novajn samideanojn. La *Internacia Dialogaro* estas kolekto da dekdu dialogoj veraj spritaj scenetoj, pli originalaj kaj stilvaloraj ol multaj ĝis nun troveblaj tiaj tekstoj. El ili oni lernos multajn vortojn kaj parolturnojn utilajn por konversacio.

Kaj jen iom flanka rimarko. Ĉu en internaciaj verkoj kaj en niaj ĵurnaloj ankaŭ, oni ne devus, krom malofta okazoj, uzi nul la metran sistemon por long-, supraĵ- pezunuoj ; ĝi ja estas kvazaŭ internacia kodo, kaj tio permesus eviti oftan citon de mezurunuoj tute nekompreneblaj de alilandanoj. Tiu punkto meritus iam ĝeneralan interkonsenton.

La *Roston's rapid Esperanto course*, de M. C. Butler, estas jam la kvina eldono de konciza lernolibro por Angloj, kun 30 lecionoj, ĉiu unupaĝan, kaj plie komerca vortareto.

*Esperanto, 50 ausgewählte Handelsbriefe*, estas esperanta eldono de leteraro jam aperinta en 8 aliaj lingvoj ; bona elekto kaj sufiĉa korekteco rekomendas tiun libreton, ĉar komparo kun la alilingvaj eldonoj permesas fruktodonan laboron por diverslingvaj lernantoj.

Sub titolo *Radio* aperis en Praha kvinlingva vortaro de priradiaj esprimoj ; ĉiuj vortoj el la kvin lingvoj : Esperanta, ĉeha, germana, franca, angla, estas alfabete ordigitaj kaj akompanataj de la tradukoj en la kvar aliaj linvoj ; la vortaro utilas do egale por ĉiuj sed tiu aranĝo komprenebla postulas ripetojn kaj plidikigas la libron ; ĝi estos ŝatata de fakuloj, kiuj ofte bezonas tralegi alilingvajn projektojn aŭ junalojn pri Radio.

---

*Oomoto, le nouveau mouvement spirituel*, en franca lingvo klarigas movadon kaj doktrinon jam konataj per esperantaj broŝuroj.

Por festo de *Laboristaj sportasocioj* okazinta tiun someron en *Finnlando*, estis presita festlibreto finnlingva kun ĉapitro en Esperanto, kaj speciala esperanta broŝuro kun la detala programo.

Bela ilustrita gvidlibreto pri *Wiesbaden* estis eldonata de la tiea urba oficejo por trafiko. Pri la aŭtuna *foiro en Frankfurt*, nova reklamilo okulfrapa kun du flugbildoj de l'urbo kaj foira festhalo.

Krom prospekto pri la librokolekto « *Internacia Mondliteraturo* » la Firmo Hirt & Sohn ankaŭ sendas sian *Literaturan Informilon, N-on 4.* Ne nur prezaro kaj eltiraĵoj el novaj verkoj enestas, sed jubilea priliteratura artikolo de S-ro Hohlov kaj ankaŭ traduko de « Statutoj de Esperanta Instituto por Germana Respubliko » kaj de ĝia « Ekzamen-regularo ». Negermanoj estos tre kontentaj posedi tiujn dokumentojn, kiuj povas helpi kiel modeloj por samspecaj organizoj en aliaj landoj.

G. S.

---

## Novaj Libroj

*Kvardek jaroj.* Kolekto da originalaj verketoj dediĉitaj al 40-jara jubileo de Esperanto. Sennacieca Asocio Tutmonda, Leipzig 0.27, Colmstrasse, 1. Germanio. 48 paĝoj, 15 × 22 cm. Prezo : 0,60 Germ. Mk.

*La Reformanto.* Popola biografio de S. Francisko el Assisi. P. Modesto Carolfi O. M. Dua eldono kun antaŭparolo de F. Pizzi. 1927. Eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italia). 88 paĝoj (+ 12 bildoj), 12 × 17 cm. Prezo : 6 L.

*Teozofio kaj ĝia doktrino.* Eldonis Teozofia Esperantista Ligo. 8 paĝoj, 15 1/2 × 23 cm. Prezo ne montrita.

*Pri Landnomoj.* La sistemo de D-ro Zamenhof. Prof. Th. Cart. (Japanlingva tradukto). 1927. Kokusaigo-Kenkju-ŝa. Tokio. 8 paĝoj, 12 1/2 × 17 1/2. Prezo ne montrita.

*Esperanto. Lehr- und Lesebuch* für österreichische Haupschulen und für die unteren Klassen der Mittelschulen. D-ro Anton Casari kaj Franz Scheibenreiter. Teil I. : Unterstufe. (Aldono : Vorwort für Lehrer). 1927. Lieferung durch Buchhandlung und Verlag R. Foltanck, Wien I, Ballgasse 6. 64 (+8) paĝoj, 15 1/2 × 23 cm. Prezo : 2,50 ;.

Det internationella språket. *Lärobok* i Esperanto av Paul Nylen. Stockholm C. E. Fritzes Bokförlags. (Aldono : Esperanto : nagra data ur dess historia). 96 (+ 16) paĝoj, 12 × 18 1/2 cm. Prezo : 1-kr.

*Esperanto-Kurso.* Vilho Setälä. Sveda eldono prilaborita de Marta E. Ropponem. Stockholm, Förlagsföreningen Esperanto U. P. A. 48 paĝoj, 11 × 14 cm. Prezo ne montrita.

*Rapida elparoligilo* de la Germana lingvo per Esperanto, de Stella. Ĉe Brita Esperanto Asocio, 142 High Holborn, London W. C. 1. 32 paĝoj, 12 × 15 1/2 cm. Prezo kun afranko : 9 d.

---

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# La evoluo de Esperanto

de *H. Sakaria.*

I

« La evoluo de la lingvo fariĝos plej kredeble per tiu sama natura vojo, per kiu ĝi fariĝis en ĉiu alia lingvo, t. e. per la senrompa vojo de neologismoj kaj arĥaismoj. »
D-ro ZAMENHOF.
(El la Vaŝingtona parolado.)

Ke evoluo en Esperanto ekzistas, estas fakto facile konstatebla : Oni komparu nur libron skribitan en la komenca tempo de nia lingvo kun verko nuntempa. Eĉ la verkaro de ĝia kreinto vidigas rimarkeblajn progresojn, rilate la vortaron kaj gramatikon. Ĉi tio precipe koncernas la verkojn de la unuaj kvin jaroj de la ekzistado de Esperanto.

Multajn konsilojn donis Zamenhof en sia « Aldono » : Oni riĉigu la literaturon, korespondadu per la lingvo helpe de la ŝlosiloj, vortarfolietoj, kolektu aliĝopromesojn - oni malatentu la mokojn de la mondo kaj neniam perdu la kuraĝon, tamen la plej grava konsilo al la komencantaj verkistoj estis : « Kreu mem necesajn novajn vortojn, ne atendante miajn apartajn konsilojn. » « Multaj kredeble estos malkontentaj, ke mi ne volas eldoni persone plenan aŭtoritatan vortaron, kiun ĉiuj devus obei... » tamen li ne faras tion kvankam « sufiĉe plena vortaro jam estas preta... » kaj li povus eldoni ĝin eĉ tuj. D-ro E. Privat en sia « Historio de la lingvo Esperanto » prave rimarkigas pri tiu ago : « Genio kelkfoje montriĝas per aferoj, kiujn unu homo ne faras, dum ĉiuj ceteraj ĝin farus en similaj cirkonstancoj. » (Paĝo 24.)

« Se ia vorto ne estos trovata en la vortaro, kiun mi eldonis, kaj oni ĝin ne povas fari mem laŭ la reguloj de la internacia vortfarado, nek anstataŭigi per alia esprimo, — tiam ĉiu povas krei tiun vorton laŭ sia persona plaĉo ; tiel ankaŭ se naskiĝus ia demando stilistika aŭ eĉ gramatika ne decidita klare en mia unua broŝuro — ĉiu povas ĝin decidi laŭ sia juĝo ; kaj se vi volas scii, ĉu vi bone decidis tiun demandon, turnu vin ne al mi, sed rigardu, kiel tiun demandon decidas la plejmulto de l'verkantoj. » (Aldono, p. 45). Necesaj novaĵoj estas enkondukeblaj de ĉiu ajn laŭ la reguloj de la lingvo. El, eble, naskiĝontaj paralelaj formoj la malpli bona pereos. « Nur viva konkursa laboro, ĉe kiu ĉio pli bona iom post iom elpuŝas la malpli bonan, povas doni efektive bonon kaj vivipovantan lingvon internacian. » (Aldono, p. 45.)

Kia abismo estis inter la modesta, demokrata rezigno de Zamenhof kaj la patriarka blinda memfido de Schleyer, kreinto de Volapük, — proprapersone pretiginta sian lingvon, de la kapo ĝis la piedoj, kiu propraforte kaj preskaŭ sen ies helpo mem elpensis ĝiajn 20,000 vortojn kaj la 200 afiksojn (Einstein, Lingvo Internacia, p. 75-77) kaj tute ne rimarkis, ke per tio li ŝlosis sian kreitaĵon en kirason, kiu senigis ĝin de ĉia evolukapablo, kiu sufokis ĝin ! D-ro Zamenhof pravas, parolante : « Volapük pereis ĉefe pro unu grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis : absoluta manko de natura evoluipovo ; kun ĉiu nova vorto aŭ formo la lingvo devis konstante dependi de la decidoj de unu persono aŭ de facile inter si malpacanta personaro. » (Parolado dum 7-a Kongreso.)

La unuaj aŭtoroj post Zamenhof tuj sekvis la konsilojn de la « Aldono » : L. Einstein kaj A. Grabowski laŭ la indikoj kaj ekzemploj jam ekzistantaj enkondukis multajn novajn vortojn, baldaŭ penetrantajn en la ĝeneralan uzadon. Einstein en sia verko « La lingvo internacia als beste Lösung... » (Nürnberg 1888), — verŝajne ne konsiliĝinte kun la aŭtoro de Esperanto, — unua ekuzas i. a. la novajn vortojn — ne troveblajn en la unua vortareto : honoro, komisio (-komisiono), ĉapitro, ĉef (verbo), idolisto, diablo, mulo, ansero, kalo, beko, serio, kvaki (interjekcio) ĉiuj vortoj estas nun ĝenerale uzataj.

Sed ankaŭ la de li kreitajn, malprosperintajn : ofica (oficiala), garo (stacidomo), sermo (prediko), fulejo (frenezulejo), kalomnio (kalumnio), ajmero (sitelo), pulpito (pupitro), inferno (infero), oficino (presejo), gaĝo (salajro), epolo (ŝultro), sozo (saŭco) kaj aliaj.

Same Grabovski en « La neĝa blovado » (Varsovio 1888) — eble iom redaktita de Zamenhof — unue uzis : sekreta, pretekšto, atesti, detala, direkto, vata, febro, krimo, distingi, famo, opinio, karaktero, bandaĝi, enigmo, lageto, saliko, pino, atento, pasie, ekzisti, kavo.

Samtempo : epoĥo (rusa-E-vortaro 1889 : « epoko »), oficero, damo (sinjorino), huzaro, ĝandarmaro kaj aliajn.

Samtempe la fundamenta vortareto estas kiom ajn eble ekspluatata : Multaj el la tiam devigite kreitaj kunmetaĵoj ĝis nun estas uzataj, — de Grabowski : forpermeso, glitveturilo, procentegisto k. c.

Por helpi al multaj komencantoj, nek povantaj nek riskantaj krei mem novajn vortojn, Zamenhof en 1889 aperigis « Plenan vortaron » rusa-internacian. Apud la formoj jam uzitaj en la ĉefaj verkoj de la literaturo, ĝi enhavas vortojn tute freŝe kreitajn. En la malgranda antaŭparolo la aŭtoro akcentas la neaŭtoritatecon de sia vortaro : « se la leganto trovos, ke tiu aŭ alia vorto estas kreita de mi ne bone, li povas uzi alian formon anstataŭ la formo kium mi donis. Sed estus tamen dezirate ke tiaj aliformigoj estu farataj nur en okazo de efektiva neceso. » Kvankam preskaŭ ĉiuj novaj esprimoj iom post iom estis ekuzitaj, kelkaj el ili ne trovis la ĝeneralan publikan aprobon (ekz. baranko — rusa bulko, hazardo — pasia ludemo), aliaj estis tradukitaj per pli trafaj aŭ konvenaj formoj (anstataŭ « armaĵo » (Z.) oni baldaŭ, antaŭ 1893, ekuzis « kiraso »).

Aŭtoritata plena vortaro estus paralizinta la liberan evoluon de la juna lingvo. — tiu unua « neoficiala » plena vortaro estis bonega progresilo por Esperanto. Dank' al ĝia influo la verkado kaj korespondado vigliĝis kaj la lingvo riĉiĝis pro la uzado de la proponitaj formoj, kiuj maturiĝis por formala envicigo en la inventaro de la lingvo. Tio estis farita en la « Meza vortaro » kaj poste en la Universala vortaro » (1893), kiu sume enhavis pli ol 2 600 radikojn (kune kun la senŝanĝe [Sanĝitaj estis nur la tempvortoj « ian, kian je » iam k. t. p. » (jam en 1899)] en ĝin metitaj 900 fudamentaj. Tie ekhaltis la vortkolekta laboro de Zamenhof. Ĝi estis redaŭrigata post 12 jaroj de la lingva komitato, lia heredinto. Sed dum tiu interspaco la nombro de la vortoj kreskis senintermite plu.

La limoj de ĉi tiu artikolo malpermesas esplori kaj detale prikribi la vojon de la pliriĉiĝo de la lingvo, kiel ĝi okazis per la aperigo de specialaj vortaroj kaj terminaroj. Sufiĉas noti ĉi tie la fakton, ke Zamenhof de la komenco de la lingvo, ne multe teoriante sed per sia persona ekzemplo, montris al la vortaristoj sekvontaj la du direktojn por laborado sur « vortscienca » kampo : la kreon de vortoj necesaj kaj alian netrudan proponadon, kaj la kolekton de la viviĝintaj esprimoj, kiuj solaj rajtas esti konsiderataj riĉigaĵoj de la lingvo.

##  LINGVAJ STUDOJ 

### Uzo kaj toleremo

En nia ĉefartikolo ni jam aludis la mirindan konduton de kelkaj homoj kiuj konstante kritikas UEA pro landnomoj (kvazaŭ krimo) dum ili mem aŭ aliaj amikoj flirtas kun kontraŭ-esperantaj movadoj. Antaŭ ol prizorgi la pajleron en okulo de l'najbaro, ili forprenu la trabon el sia propra ! De post la afero de Beaufront ni ĉiam instinkte malfidis fanatikulojn. Nun tiu malfido ankoraŭ kreskis pro bonaj kaŭzoj.

Tamen inter la kritikantoj estas ankaŭ sinceraj homoj. Al ili ni ŝuldas tri vortojn de klarigo :

Dum la mondmilito, kiam aperis novaj ŝtatoj en Eŭropo, H. Hodler provis unuecigi ĉiujn landnomojn per unu sola geografia sufikso, siatempe proponita de D-ro Zamenhof por neŭtralaj nomoj (Meksikio). Tiu uzado ĝeneraliĝis. Post la milito la Akademio ĝin malaprobis. Tiam UEA devis ĝin forlasi pro disciplino, sed ĝi lasis siajn kunlaborantojn liberaj uzi la tri formojn permeseblajn laŭ la Fundamento, nome — ujo, — lando aŭ internaciajn formojn laŭ artikolo § 15. En la klasika Libro de l'Akademio estas ja dirite ke « la finaĵo *-io* (ne sufikso) ne estas kontraŭfundamenta kiam internacia en landnomo (Germanio apud Germanujo, kiel evolucio apud evoluo). » Ni estu akurataj : Prof. Cart aldonis ke, kvankam ne kontraŭfundamentaj, tiuj formoj estas ne konsilindaj, ĉar, « senutila komplikaĵo ». Kompreneble tio estas nur lia persona opinio kaj ne tiu de la uzantoj kiuj male vidus en ili grandan simpligon. Formoj ne internaciaj kiel Svisio, Polio aŭ Britio malaperis en la UEA — presaĵoj pro la malrekomendo de la Akademio. Diri do ankoraŭ nun ke UEA uzas kontraŭfundamentajn formojn, estas malĝusta kaj maljusta. La formo konsilita de la Akademio estas Polujo, tamen D-ro Zamenhof ankaŭ uzis Pollando tute laŭfundamente. Li mem eĉ uzis Meksikio, kvankam tiu formo estas eĉ ne-internacia. Lia prefero estis ja -ujo post gentnomoj kaj io post urbnomoj (Alĝerio).

En 1924 la XVI-a Universala Kongreso en Vieno petis la Akademion verki oficialan liston de permeseblaj landnomaj formoj laŭ la Fundamento post interkonsiliĝo kun la Internacia Poŝto kaj Telegrafo. Ĝis nun tiu peto restis sen respondo, kvankam aperis pri tiu temo diversaj personaj broŝuroj aŭ artikoloj. La praktiko sendube solvos tiun problemon, pli geografian ol lingvan. Ni ne intencas ĝin rediskuti ĉi-tie. Nur necesas montri, ke UEA respektas la Fundamenton tute same kiel la uzantoj de redakcio aŭ redaktejo, redaktoro aŭ redaktisto.

Persone mi estas tute kontenta skribi Hungarujon samekiel Prof. Cart, sed oni rajtas skribi Hungarlando aŭ Hungario tute laŭfundamente. La unua formo estas oficiale konsilata, la aliaj du estas tolereblaj laŭ la Fundamento kaj laŭ la Klasika Libro. Do kial ankoraŭ diskuti? Neniu el ni estas respondeca pri la unua provo de tiuj formoj. Male mi eĉ malaprobis ĝin kiam ĝi estis komencita. Sed nia lingvo marŝis kaj neniu povas malatenti uzadon pli ol dekjaran. Eĉ la formoj kondamnitaj kaj do ne plu uzataj de UEA kiel Svisio, Britio, Polio estas nun disvastigataj en ĉiuj laboristaj libroj kaj gazetoj tra la tuta mondo kaj do nerevokeblaj. Sola rimedo por atingi unuecon estus oficialigo de ilia uzo.

Estos baldaŭ same pri -enda. Siatempe la Akademio ĝin rifuzis. Pro tio ni evitas ĝin uzi ĉi-tie. Sed ni konstatas, ke ĝia uzado ĝeneraliĝas kaj novaj lernolibroj estos devigataj ĝin noti. Kion fari ? Se iu aldonaĵo estas ripetata ĉie, ĝi eniras la lingvon kun aŭ sen permeso. Tion ja faris -aĉ antaŭ ĝia oficialigo. Simile se iu lingvaĵo neniam estas uzata, ĝi falas for el la lingvo, eĉ se ĝi estas oficiala. Vidu ekz. la vorton prezident' absolute fudamentan kaj malaperintan.

Pri tiuj interesaj faktoj de la lingva evoluo ni publikigos kelkajn sciencajn artikolojn, laŭ la tradicio de tiu-ĉi gazeto. Ĉiuj faktoj de la vivo nin interesas. Ni kredas je la evoluo. Ĉiujn arbitrajn ŝanĝojn aŭ reformojn de teoriuloj ni absolute rifuzas kaj la lingvo mem ilin feliĉe reĵetas for per sana kaj forta instinkto.

D-ro Zamenhof antaŭvidis la evoluon de la lingvo laŭ la jena maniero: novaj formoj estas uzataj paralele kun la malnovaj ĝis kiam la uzado decidis. Nur tiam la Akademio intervenas por oficialigi la venkinton. Vidpunkto

de kelkaj estas ke UEA, estante oficiala institucio devus nur uzi « oficialajn » formojn, t. e. ne partopreni en la ĝenerala decidiga uzado, sed atendi la rezultadon el ekstera vivo. La danĝero de tia metodo estas evidenta Tiam la influo apertenus al la malplej kompetentaj kaj la organizaĵo kiu grupigas ĝuste la uzantojn de la lingvo devus dependi de la spertoj de homoj malpli kutimitaj je praktika uzado.

Sajnas, ke pli saĝe kaj pli juste estas lasi UEA partopreni en la natura vivo de la lingvo per ĉiutaga uzado sed rekomendi, ke ĝi tion faru kun granda singardemo, kio cetere okazas. Tiujn aferojn oni ne solvas per kolero, pasio kaj bojkotoj, sed per tute paca kaj trankvila konsidero de la faktoj.

---

Jen, ekzemple, en dudek eŭropaj lingvoj, landonomoj, du absolute internaciaj kaj unu duba. La ordo de la lingvoj estas alfabeta : angla, bulgara (*), ĉeĥa, dana, finna, franca, germana, greka, hispana, hungara, itala, latina, nederlanda, norvega, pola, portugala, rumana, rusa (*), serbokroata, sveda.

**Internacia :** *Arabia, Arabiä, Arabie, Arabien, Arabia, Arabie, Arabien, Arabia, Arabia, Arábia-Arabország, Arabia, Arabia, Arabië, Arabien, Arabja, Arabia, Arabia, Araviä, Arabija, Arabien.*

**Internacia :** *Italia, Italiä, Italie, Italien, Italia, Italie, Italien, Italia, Italia, Olaszország, Italia, Italia, Italië, Italien, Wlochy, Italia, Italia, Italiä, Italija-Talijanska, Italien.*

**Duba :** *France, Franciä, Francie, Frankrig, Ranska, France, Frankreich, Gallia, Francia, Franciaország, Francia, Gallia-Francia, Frankrijk, Frankrike, Francja, França, Francia, Franciä, Francuska, Frankrike.*

(*) Ni transskribis konvencie per la litero ä la kirilan (rusan kaj bulgaran) literon, nomatan, ja, por resti severe konsekvencaj en la grafia transskribo.

# En kelkaj linioj...

Por kompilota skizeto pri la iĝo kaj disvolviĝo de la laborista esperanta movado antaŭ la milito mi kolektas ĉiuspecan materialon.

M. bezonas : 1. priskribojn pri la komenco kaj la disvolviĝo de la lab. movado antaŭ la milito en diversaj landoj, 2. nomojn de la unuaj lab. esp. propagandistoj kaj koncizan priskribon pri ilia agado, 3. ĉiuspecain dokumentojn (gazetojn, afiŝojn, fotografaĵojn, ktp.) el la lab. esp. movado antaŭ-milita, 4. k.p., ktp.

Ĉiu, kiu iel povus helpi min per havigo de informoj aŭ pruntedono de materialo bonvolu tuj skribi al G. P. de Bruin, Wagelerdwarsstraat, 28b, Enschede, Nederlando.

Esperantista grupo « Rekte antaŭen » en Harburg a. d. Elbe, S-ro Emil Hoops, Eisendorferstrasse, 185, Germanio aranĝas ekspozicion kaj petas alsendon de objektoj

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*Jozefo Laszlo,* fidela membro de UEA, en Cluj (Rum.). Li estis pastro kaj profesoro. Sindona kuracisto de l'animoj kaj senlaca ĝardenisto de l' koroj. Modela samideano: ne nur teorie transentinta la altan idealon de Zamenhof, sed ĉiam komprenenie akceptanta la klubsekretarion, kiu trapis sur lia pordo jen por membrokotizo, jen por abono, aŭ ofertis librojn al la modeste salajrita, tamen nian movadon ĉiam noble subtteninta samstelano.



Kara frato Jozefo! En nia lasta interparolo vi diris, de dum la nova lerneja jaro vi gvidos kurson por viaj lernantoj, al kiuj vi tiom multe propagandis; nun vi foriris en novan mondon, kie via idealista agado pli certe ricevos la meritan premion, ol sur nia terglobo. Ĝis revido!

S-ro *Jan Kramer,* del. de UEA en Enkhuizen, Nederlando, modesta samideano multe verkinta en taga gazetaro.

F-ino *Graziella Della Torre,* profesorino de franca kaj angla lingvoj en Reĝa Teknika Lernejo en Bari.

S-ro *Reiner Sanders,* honoramembro de Esp. grupo en Krefeld, 75 jaraĝa. Dum jaroj li estis delegito de UEA. Kiel fervora akcelanto de nia movado li metis sian tutan forton en la servo de nia afero. Lia morto estas por nia grupo granda perdo. Neniam ni forgesos ĉi tiun fidelan kaj diligentan pioniron en la Krefelda esperanto-movado.

S-ro *Eduardo Tellini.* — Delegito de UEA en Tricesimo. El la apuda urbo Udine alvenis ĉi tie deko da gesamideanoj kun flago por ĉeesti la funebran ceremonion.

S-ro *Eusebio Quinteros,* staciestro en Tacuarembó, Ano de UEA 30116, eksvic-prezidanto kaj fervora adepto de la societo « Esperanta Junularo », en Montevideo, Urugvajo.

S-ro *Armand Mathieux,* patro de nia agema vic-delegito en Bruselo, S-ro Fernand Mathieux.

**Sinceran kunsenton.**

# KRONIKO

## Aŭstrio.

*Linz a. d. Donau.* — Lerneja estraro konsentis al loka societo instruadon de E en la burĝa lernejo IV. Kurso komencis 5.11.27, en 3 klasoj. Gvidas instruistino F-ino Cipera laŭ lernolibro Casari. 15.10.27. Kurso por komencantoj. Gvid. S-ro Fuchs. — 3.11.27. Kurso de neŭtrala grupo. Gvid. F-no Cipera. — 2 kursoj por policanoj & Fervojistoj. — Gvid.: Polica inspektoro Meileder.

*Wien.* — Dum la Viena kongreso policanoj lernintaj E afable konsilis promenintajn kongresanojn. Ili portis rubandon, bone videblan kun surskribo « ESPERANTO ». Ĉiuj policanoj parolantaj fremdan lingvon portas ŝildeton kun vorto indikanta la lingvon parolatan. Inter ili ankaŭ E. Jen policano kun Ŝildeto « Esperanto ». Komplimenton al progresema Urba polico kaj al policanoj lernintaj nian lingvon post streĉa servado dumtaga. Kiu sekvos tiun belan ekzemplon de progresemo ?



*Viena policano parolanta Esperanton.*

## Borneo (Nederlanda Indio).

*Pontionak.* — S-ro Pastro R. W. F. Kyftenbelt, korespondanto de I. C. K. en Genève, komencis kurson kun 15 anoj Per la poŝto li instruas plurajn lernantojn en la proksima insulo Bilitono kaj en Riomo.

## Bulgario.

La verda E.-semajno vigligis la movadon. En *Sofia* la 4.11. At. D. Atanasov parolis antaŭ la lernantinoj de la flegistina lernejo ĉe la hospitalo de la Ruĝa Kruco. La 6.11, okazis solena malfermo de la « verda semajno » per publika kunveno en la Libera Universitato. La honora prezidanto de la Bulg. Esp. Asocio, univ. prof. D-ro Iv. D. Ŝiŝmanov per konciza parolado malfermis la semajnon. Parolis post li F-ino Martha Root (el Nev-Jorko) pri la sukcesoj de Esperanto en diversaj landoj, vizititaj de ŝi, kaj S-ro D-ro Dim. Gavrijski pri la scienca kaj filozofa bazo de nia lingvo. La kunvenon fermis la prez. de BEA At. D. Atanasov. — La 12.11 la Sofia Societo aranĝis amuzvesperon. — La 13.11 la sporta klubo « Esperanto » kunvokis publikan kunvenon en la okcidenta parto de Sofia (kvartalo apud la Suker-fabriko) ; parolis F-ino Martha Root, Zah. Zahariev kaj At. D. Atanasov. — Entute nun funkcias kvar kursoj : 2 por geurbanoj en la centro de la urbo, gvidanto Zah. Zahariev, 1 en la okcidenta paro de la urbo, gvidanto Zah. Zahariev, kaj. 1 por laboristoj, gvidata de Dimitr. Dimitrov (studento).

*Samokov.* — La 4.11 F-ino Martha Root parolis pri Esperanto en la loka Amerika lernejo ; ŝia parolado vekis grandan intereson al nia movado.

*Vraca.* — La 15.11 F-ino Martha Root parolis pri Esperanto, kun granda sukceso. Malfermita kurso por geurbanoj, intencata kurso por infanoj.

*Lom.* — Kurso malfermita.

*St Zagora.* — Vigla propagando dum la verda semajno. La loka jurnalo « Jujen glas » enhavis en ĉiu numero alvokan devizon por Esperanto. Kurso malfermita.

*Dupnica.* — Malfermita kurso.

*Haskovo.* — Tre vigle agas samideano D-ro St Kadiev, kuracisto. Li gvidas kurson por geurbanoj.

Kursoj estas gvidataj en multaj aliaj urboj kaj vilaĝoj, sed precizajn informojn pri ili ni ne havas.

## Ĉeĥoslovakio.

*Olomouc.* — S-ro Neuzil gvidas kurson por 30 ge-skoltoj en ĉeĥa komerca akademio, 15.10. En lernejo, kie li deĵoras li instruas 35 gelernantojn.

Krom tio li pretigas kun siaj lernantoj belajn albumojn enhavantajn grandan kolekton de vidindaĵoj el Ĉeĥoslovakio por interŝanĝo kun alilandaj lernejoj. Tre taŭga verko precipe por ekspozicioj. Ankaŭ la specimenoj de lernejaj laboroj troviĝas en ĝi.

Kurso por la membroj de Gimnasta Unuigo Orel « Aglo » en preparo ĝis hodiaŭ 20 aliĝintoj. Ka.

*Pardubice.* — Esp. klubo « D-ro Schulhof » aranĝis la 26.11

memorvesperon je honoro de la fondinto, esperantista poeto. Dank' al afabla kunlaboro de lokaj muzikistoj kaj profesoroj de muzika lernejo, la vespero tre bone sukcesis. Plej grandan meriton havas nia nelacigebla vicprezidantino S-ino Petrová, plie S-ino Veverková kaj aliaj membroj de la klubo. Parolis S-ro inĝ. Berger, prezidanto, kiu akcentis signifon de mortinta D-ro Schulhof en la movado kaj liajn personajn bonajn kvalitojn, lian noblan animon.

Vizito estis kontentiga. Partoprenis krom aliaj, S-ro Sklenčka kun sia edzino el Hradec Králové kaj S-ro Bloch por Praha klubo.

*Praha.* — Parolado pri Japanujo kun lumbildoj, parolis S-ro Jar. Sustr.

*Prerov.* — Kurso por komencantoj. 48 p. Gvidas S-ro Malik. Perfektiga Kurso, 20 p. gvid. de S-ro Pittner. Konversacia kunveno, marde 19-20 h. en Komerca lernejo. Gvidas : S-ino Grauerová.

## Danlando.

*Holbäk.* — Fondiĝis Klubo kun 13 anoj. Prezidanto : La delegito, S-ro instruisto Holger Hansen; sekretario : S-ro kapitano P. Dalsager; kasisto : F-ino librotenistino Oda Hansen. Kunvenoj dusemajne ĉe la del. Okazis Esp.-ekspozicio, sekve de kiu malfermiĝis kurso je 20 anoj. La loka gazetaro favore priskribis la ekspozicion. Alia kurso kun 10 geinstruistoj. 10 geknaboj instruiĝas en lerneja ĉambro. Por ĉiuj kursoj la urbestraro senpage disponigas lernejĉambrojn.

## Egipto.

En tuta Egipto, dank' al iniciato de I. C. K. en Genève, nia movado plivigliĝas kaj progresas. La instruado devas grandparte esti farata laŭ lernolibroj fremdlingvaj; la araba gramatiko elĉerpiĝis.

Sekve de invito de I. C. K. en Genève, pluraj samideanoj en Port-Said kune prenis sur sin la tradukon de « Ŝlosilo de Esperanto » en araban lingvon. Se ekzistus monrimedoj, flugfolioj, ktp. en araba lingvo tio multe utilus.

*Port-Said.* — S-ro Mustafa gvidas kurson kun sirianoj, turkoj kaj unu amerikanino. S-ro Aziz Yazdi gvidas kurson por egiptanoj. S-ro Guésdon instruas en kurso por grekoj. Al la grupo mem apartenas plej diversaj nacioj.

*Beni-Suef.* — S-ro Inaiah Efendi Ibrahim, instruisto en la Supera Lernejo, komencis kurson.

*Ismailia.* — S-ro Halil Efendi Ajad lernas Esperanton kun diversaj amikoj. S-ro Mustafa el Port-Said donis la unuajn enkondukajn lecionojn.

*Mansurah.* — S-ro E. Hannoun tie propagandas nian lingvon.

## Germanio.

*Augsburg.* — L. G. La popol-altlernejo aranĝis kurson kun 12 P.; G instr. Ootto Beck.

*Berlin.* — Zamenhoffesto 16 Devembro ĉe Dobrin (Hackescher Markt). — 4.11, vizitis nian grupon S-ro Prof. Oishi, direktoro de la aerologia observatorio en Tateno, kiu antaŭ 15 jaroj lernis E-on en Berlin kaj kiu tre ĝojis, renkonti konatulojn el la tiama tempo.

*Chemnitz.* — L. G. S-do E. Klemm parolis en « Christlicher Verein für juge Männer » (Kristana unuiĝo por junaj viroj) pri « E kaj la germana junularo ». Kurso intencata.

*Cleve.* — L. G. Meze de Oktobro komenciĝis nova kurso kun 10 P.; G F-ino Helene Wolff.

*Dresden.* — L. G. E-semajno. La propagando per anoncoj kaj disdonado de flugfolioj okazis en la intencita maniero. La festkunsido en la ĉambrego de la 4-a urba metia lernejo estis tre interesa pro la konvinka parolado de S-ro D-ro Trögel pri nia majstro kiel kreanto de vere vivanta lingvo Sekvis lumbildparolado de S-ro Häfker pri la greka gimnastiko. Distingo de sep anoj, pro longjara kunlaboro per la Zamenhof-plakedo « Pro Fideleco ». Ili estas : Johannes Engst, Paul Schmidt, Max Tessner, Martha Raecke, Helene Martin, Helene Hockert, Johannes Karsch. La dresdenaj ĵurnaloj bone raportis. Kurso sub gvidado de S-ro Schmieder.

*Habelschwerdt.* — F-ino Frieda Boettcher gvidas kurson kun 7 p.

*Hamburg-Altona.* — L. G. La Unua Grupo havis tre viglajn kunsidojn. Paroladis S-ro Bünemann pri la aktuala temo « La mortpuno ». — S-ro Bünemann raportis pri sia vojaĝo tra Polujo kaj agrablaj spertoj kun tieaj samideanoj. S-ro Klauss humorplene rakontis pri aventuro dum la Danciga Kongreso, kaj S-ro Neimann donis ridigajn sciigojn pri siaj spertoj kiel maristlernanto. — La 30.10 oni faris ĉe belega vetero ekskurson al Friedrichsruh kun multaj gajaj partoprenantoj.

*Ludwigshafen a. Rh.* — L. G. Komenciĝis nova kurso kun 20 pers., inter ili geinstruistoj; perfektiga kurso kun 8 pers. Ambaŭ kursojn gvidas studkonsilisto Kolb. — La ĉiusemajnaj kunvenoj de nun estas ĵaŭde en la restoracio Renlo, Amtsstr. 9.

*Meissen.* — L. G. Dum la bone vizitata kunveno, 2.11, S-ro Pietzsch parolis pri la ĉefkunveno de la Saksa Ligo en Freiberg. — Nova kurso en la popolaltlernejo kun 22 pers. — La jarkunveno okazos 11.1.1928. — S-ro Müller raportis pri sia vojaĝo al la Nordkap.

*Nürnberg.* — L. G. havas por Decembro jenan programon : 7.12. Parolado de S-ro Pilhofer : La tekniko de pentrado per ŝprucaparatoj. — 14.12, S-ro D-ro Orthal pri « La utilo de la legado ». — 21.12, Kristnaska festo en « Silberner Helm ». — 28.12 ne okazos kunveno. — 4.1.1928, parolado de S-ro Jsner pri « Narkotoj ».

*Plauen i. V.* — L. G. festis harmonie la 12.11 sian 20-jaran fondiĝfeston. Partoprenis ĉ. 120 gesamideanoj kaj gastoj el diversaj lokoj. Multaj gratulskribaĵoj alvenis kaj la grupo Plauen per tio kore dankas por ĉiuj bondeziroj ! Specialan dankon la grupo ŝuldas al S-ro Neubarth, Friedrichshagen-Berlin, al S-ro Oertel, Plauen kaj S-ro Otto, Plauen, kiuj estis la unuaj pioniroj por E en Plauen kaj en la tuta Vogtlando. — 15.12, okazos la jarĉefkunveno en la E-ĉambro, Gottschalkstr. 25. II. — La 22.12, en la sama ĉambro kristnasko-kunveno.

## Hispanio.

*Barcelona.* — Gazeto « Las Noticias » aperigas ĉiutage informojn pri E.

*Bilbao.* — Loka grupo ĉiujaŭde kunvenas. Nova kurso ĉe Rotary Club, gvidata de S-ro de Allende.

*Jativa.* — Fondiĝos grupo.

*Aviedo.* — Nova grupo fondiĝis.

*Madrid.* — Ok kursoj. Hispana E instituto ekzamenigis kaj disdonis pli ol 100 astestojn kaj diplomojn. Vendiĝis 200 Fund. Krestomatioj kun gramatikoj ĉe lokaj librejoj.

## Hungario.

*Debrecen.* — S-ro Jozefo Boczan sukcese klopodis ĉe Filatelia ekspozicio dum pasinta Novembro, aranĝinte elmontron de esperantaĵoj kaj kolektaĵoj. Sekve aranĝiĝis novaj kursoj.

*Budapest.* — La Budapesta Internacia Foiro decidis eldoni ankaŭ en tiu ĉi jaro reklamilojn en E. Kiuj serioze deziras ilin uzi por reklamo petu precipe la glumarkojn, de la « Budapesti Nemzetközi Vásár, V., Alkotmany-utca, Budapest, Hungarlando ».

## Italio.

*Brescia.* — La Prezidanto de ĉi tiea Grupo sam. G. Facchi komencis la 16.11, kurson ĉe la Faŝista Instituto de Kulturo, kaj la 6.12, perfektigan kurson por geinstruistoj ĉe la Reĝa Instituto « Magistrale ».

Dum Decembro komencis kurso kun pli ol 50 aliĝintoj ĉe la Reĝa Scienca Liceo, gvidata de la Instruistino F-ino J. Zaini.

Ĉe la Reĝa Instituto « Magistrale » (por gelernantoj de tiea instituto el kiu eliras, finintaj la studojn, diplomitaj geinstruistoj) la 5.12. Komencis tri kursoj kiujn aliĝis 116 gelernantoj. Du el tiuj kursoj estas unuagradaj, por la malsupraj klasoj, kaj ili estas gvidataj de la instruistinoj F-inoj D. Bordogna kaj T. Mazzuchelli. La tria kurso estas duagrada, por la supraj klasoj, kaj estas gvidata de S-ro G. Facchi.

En la Lernejo de « Via dei Mille » de la Komunumo F-ino J. Zaini instruas kurson por instruistinoj.

Estis sukcesaj propagandaj paroladoj de S-ro G. Facchi de la Lernejo Ugoni, ĉe la Reĝa Scienca Liceo kaj de la Reĝa Instituto « Magistrale » Fervore helpas la propagandon S-ro Prof. Grafo V. di San Lazzaro membro de la Urbestraro, la Direktoro de la Reĝa Liceo Prof. A. Preda, kaj la Direktoro de la Reĝa Instituto « Magistrale », Prof. G. B. Garassini.

*Merano.* — Fondiĝis nova grupo.

*Milano.* — Ĉe Esperanta Domo kaj ĉe Lombardia Instituto okazis jara kunveno (25.11.27) por la elekto de nova estraro por 1928, kaj por la diskutado de la raporto pri la movado en la urbo dum 1927 kaj pri la farota laboro en 1928.

La raportoj de la sekretarioj, S-roj Piatti kaj Tanzi estis aplaŭdataj kaj unuanime aprobataj.

Estis elektitaj advok. Cesare Grosio prezidanto de E. D. kaj D-ro Pier Carlo Monti, direktoron de L. I. de E.

Multnombra estis la kunveno kaj ĉeestis Reĝaj Inspektoroj kaj Inspektorinoj por la Publika Instruado, prof. Revizza, direktoro de la Internacia Instituto de l'Ŝparo kaj aliaj eminentuloj.

Du kursoj estis malfermitaj ĉe E. D. : unuagrada kaj duagrada, kiujn gvidas S-inoj Piatti kaj Tanzi kaj Violi.

Alia kurso estos malfermata je la fino de Novembro ĉe kosmopolita Lernejo.

La Komunuma Aŭtoritato por la Publika Instruado promesis enkonduki esperanton en kelkaj popollernejoj (kl. 6.7.8) kaj aranĝi specialan kurson por geinstruistoj.

*Udine.* — 19.11. Grupmembra jarkunveno. Estraranoj por la laborjaro 1928 : Geometriisto F. Bodini, Prezidanto; R. Vannucchi, Vicprezidanto; G. Dolce, Sekretario; G. Da Forno; D-ro J. Grasso Biondi, G. Della Savia, Konsilantoj ; A. Zilli, Kasisto; F-ino S. Giordani, Bibliotekistino; librotenisto A. Blasoni kaj A. Zoratti, Revizoroj. — Aranĝataj: publika kurso de Esperanto (gvidata de geedzoj Della Savia) kaj por aŭtomobil-gvidado, ambaŭ ĉe ĉambrego de Teknika Instituto.

La ĉi tiea loka Vic-Delegito de UEA, S-ano Galliano Dolce, ricevis la « Instruistan ateston, flanke de Regiona filio de Itala Katedro de Esperanto. Al aktive laborema samcelano niajn sincerajn gratulojn.

*J. D. S.*

## Latvio.

*Ventspils.* — 20 Novembro 1927. S-ro T. Indra el Riga parolis en hotelo « Bristol » pri la temo: « La rolo de la internacia lingvo Esperanto en Latvio kaj alilandoj. » Ĉeestis 70 personoj. La preleganto atentigis pri praktika flanko de nia movado, organizita en UEA, kiu havis delegitojn en 1503 lokoj.

La loka Esperanto societo, aranĝis kelkajn kursojn. Oni propagandas inter radio-amatoroj, en kiuj kelkaj jam aliĝis al la Esperanto Societo de Ventspils.

LATVIA ESPERANTO - KONGRESO.

*Okazis* en Riga, 30—31 Oktobro 1927. — Partoprenis ĉ. 80 gesamideanoj. Estis gastoj el Estonio Litovio. Kiel honora prezidanto estis elektita J. Rainis, la nuna ministro de popolklerigo.

Skribe salutis la kongreson: Prezidanto de Latvia Parlamento D-ro P. Kalnins, Prezidanto de la Ministraro, M. Skujenieks, Popolkleriga ministro, J. Rainis, Militministro R. Bangerskis (nia samideano), Prefekto de Riga T. Grinvaldo; Vicprefekto F. Simanovics.

Estis akceptitaj la rezolucioj:

Viziti la popolklerigan ministron kaj peti de li permeson instrui E-ton nedevige en tiuj lernejoj, kie tio estos ebla.

ILEK konsiderante la gravecon de UEA kaj K. R. en E-to movado rekomendas al ĉiuj e-istoj aliĝi al UEA kaj al tiu nacia societo, kiu estas reprezentata en K. R.

Peti Rigan Radiofonon enkonduki ĉiusemajnan E-to disaŭdigon kaj komenci kurson.

## Pollando.

*Wloclawek.* — Ĉe ŝtata gimnazio « Ziemi Kujawskiej » fondiĝis Esperantista Rondo kun 25 membroj. La Rondo ĝuas favoron de Direktoro kaj aranĝas depost 1.11, esp. kurson por lernantoj de gimnazio. Kurson gvidas prezidanto de l'rondo, ankaŭ gimnaziano.

## Rumanio.

*Arad.* — Kurso ĉe Vespera Universitado. 40 paĝoj. Perfektiga kurso. Ambaŭ gvidas F-no Buczy.

*Braŝov.* — El la raporto pri la 7-a Rumana Esperanto-Kongreso aperinta en Esperanto N. 326—327, bedaŭrinde forestis mencio pri S-ro Kodera, profesoro ĉe la Supera Komerca Lernejo en Tokio, afabla vizitinto de la Kongreso. S-ro Kodera faris tre lertan paroladon antaŭ ĉ. 1000 personoj okaze de la kongresa artvespero. La apero de la simpatia samideano veninta de malproksima oriento bone impresis ĉe la rumana publiko kaj la rumania esperantistaro ŝuldas sinceran dankon al nia japana kunbatalanto multe helpinta nin en la propaganda laboro. *Rumana kongresano.*

*Cluj.* — S-ro generalo J. Gavanescul, komandanto de armea korpuso, honora prez. de Rum. Esp. Soc. traveturis nian urbon. Laŭ speciala invito, S-ro T. Morariu, komitatano de RES vizitis S-on generalon en hotelo « Astoria » kaj priparolis la planon de la nova agadjaro. S-ro G. invitis la 8-an Nacian Kongreson al Sibiu, ŝidurbo de lia komand-teritorio, kie li volonte disponigos la Oficiran Kazinon kiel kongresejon. Fine de l'aŭdienco S-ro gen. diris : Esperanto faras frape videblajn sukcesojn; se ĝia progreso ĝis nun okazis aritmetike de nun tio okazos laŭ geometria proporcio.

## Sirio.

Ankaŭ en Sirio iniciato de I. C. K. en Genève havis bonan rezulton.

*Beirout (Libano).* — En la Amerika Universitato de Beirut, sub la gvidado de S-ro Zeine Nour-ud-din, Delegito de UEA, komencis nova kurso kun 35 partoprenantoj.

*Homs.* — S-ro P. Bechirian, instruisto de la Protestanta Kolegio (antaŭ en Beirut) preparas kurson por komencantoj.

## Svislando.

*Genève.* — La universitato de Ĝenevo decidis oficiale enkonduki altan instruadon pri Esperanto en sian beletristikan fakultaton. La registaro de la Respubliko de Ĝenevo vokis D-ron E. Privat por regula instruado en la universitato pri historio kaj instrumetodoj de Esperanto dum la venontaj du jaroj.

## LA PAĜO DE L'PRAKTIKULO

# Turismo kaj UEA

**Rilato inter turismo & UEA. — Eblecoj. — Iom da historio. — Postmilita agado. — Nova principo. — Nova ideo. —**

Nia ĉefa argumento por la enkonduko de la lingvo estas la estonta interkompreniĝo facila dum vojaĝo en vagonaroj, stacidomoj, ĉe giĉeto, en vojaĝoficeĵoj sur ŝipoj ktp. La trafiko bezonas simplan helpilon, permesante tujan respondeblecon sen longa serĉado je vortoj. La interesoj kontraŭaj devas malaperi, kaj ili malaperos certe. Trafiko kaj internacia lingvo — turismo kaj UEA, ĝenerala la unua, speciala la dua. Kio estas turismo ? Ĝi estas la tuto de ĉio, kio rilatas al vojaĝado proplezura kaj konatiĝa. UEA kiu estis kreita por apliko de la lingvo en ĉiutaga vivo frue ekkonis la avantaĝojn ambaŭflankajn. Ekzistas variaj eblecoj uzi la lingvon kaj la organizaĵon, kio ja estas du aferoj malsamaj. La plej simpla estas la servo de la Delegito de UEA, al peto pri informo koncerne restadon kaj vojaĝadon. Pli ĝenerala estas la eldono de reklamilo kun tiaj informoj, praktike kaj agrable aranĝitaj kaj kiel ni konas ilin sub nomo « Gvidfolio ». Eleganta kaj riĉa estas g v i d l i b r o, ĝenerale vendata al interesuloj, dume gvidfolio devas esti senpaga.

La ebleco puŝi nian aferon en tiun kampon ekzistas do. Jam en 1908 estis kreita Turisma Fako kiun gvidis S-ro Jakob Schmid en Bern. Rapide eldoniĝis la famaj gvidfolioj de UEA, tiel ke ĝis 1914 ekzistis tiaj por pli ol 100 lokoj. Gvidlibroj ĉirkaŭ 160. Tiu-ĉi tre interesa ero de praktika agado estis interrompita per la milito dum kiu vojaĝado al eksterlando estis ja neebla kaj eĉ konsiderita kiel io eksterordinara. Certe en tiu-ĉi sfero ni povus atingi multon kaj estas la celo de ĉi-tiu artikolo inciti revivigon.

Post la milito necesis ja unue restarigi la Asocion. Malhelpis ja ankaŭ ĉiun agadon la anarkio en la internaciaj rilatoj, la malfido kaj neforgesinde — l a m o n ŝ a n ĝ o. — La turismo naciiĝis en certa senco. Registaroj devigis pli malpli kaŝe siajn regatojn resti hejme. Nur malrapide pli bona kompreno revenis. Tiu ĉi sinteno influis ja ankaŭ nian agadon. Post la financa stabiliĝo en Centra Eŭropo UEA rekomencis. Nova malhelpo. La poŝtmilita delegitaro de UEA je 4 kvinonoj konsistas el novaj homoj kiuj entute ne sciis kio ekzistis antaŭe. Sekve informado, korespondado, incitado.

Ni enkondukis ankaŭ novan pricipon. Plej parte la gvidfolioj antaŭmilitaj estis pagitaj de esp. organizaĵoj lokaj kaj malofte de Turisma organizaĵo. Nun ke nia movado estas efektive tia, kaj ne plu speco de sekto, ni rajtas kaj devas pagigi niajn servojn. Sufiĉas ke ni disponas nian tutan organizaĵon, la preskaŭ ĉiam senpagan deĵoron de la Delegitoj kaj la frukton de la pionira laboro al la turisma propagando. Pro tio la nova regularo antaŭvidas la pagon de la gvidfolio per loka turisma organizaĵo kaj ĉiuj postmilitaj gvidfolioj estas eldonitaj laŭ tiu-ĉi principo (*).

Ni reproduktas tie-ĉi la tutan kolekton de ĉiuj turismaj presaĵoj postmilitaj.

(*) La regularon pri eldono de gvidfolio oni vidu en ESPERANTO, Oktobro-Novembro, paĝo 24.

Kompreneble tiu-ĉi laborado neniel estas enkalkulata en la laborprogramo de la Centra Oficejo. Ĝis nun ni povis tion plenumi dank' al la sindono de la Delegitoj nin efike helpintaj. Por ke tiu-ĉi servo funkciu bone, necesas nun starigi ian centron en la landoj kun notinda turismo. Tiu-ĉi centro sin okupas metode kaj sisteme pri la varbado de turismaj organizaĵoj. La gvidanto de tiu-ĉi kvazaŭ Nacia Sekcio Turisma devos interrilati kun la Delegitoj en sia lando, kolekti detalojn, informojn kaj sugestiojn. Tiu-ĉi materialo orde aranĝita servas kiel bazo. Poste li dissendas al ĉiuj turismaj organizaĵoj klarigan leteron, proponante la servon de UEA por la eksterlanda reklamado, laŭ la jam citita regularo. La gvidanto okupiĝas pri la traduko de mendota gvidfolio kiu estu prefere presata en la devena lando.

Kiel unua L a n d a S e k c i o funkcias la germana, gvidata de Komitatano de UEA, S-ro Johannes Karsch. Intertempe kreiĝis Franca Sekcio, sub gvido de S-ro Richard Lévin, estro de la Esperanto-Fako ĉe Lyon'a Foiro. Interesuloj en tiuj landoj bonvolu sin turni al ili (*). Ni antaŭvidas, kondiĉe ke ekzistas kompetenta laboranto, la kreon de sekcioj aŭstria, belga, brita, ĉeĥoslovaka, hispana, itala, jugoslava, nederlanda, sveda & svisa. Ni atendas proponojn de aktivuloj !

T i o ne sufiĉas ! Konata proverbo diras, ke oni devas havi du ferojn en la fajro. Ofte la turismo estas specialigita. Ekzemple Italio estas vizitata ĉefe de angla — kaj germanlingva publiko. Ekzistas do ne granda intereso eldoni ion en lingvo kies anoj loĝas dise en ĉiuj landoj. Per la ĉefaj lingvoj oni ja atingas vastan publikon kaj jen nova ideo kiun proponis S-ro Stettler Hon. prezidanto de UEA. Preskaŭ ĉiu loko, distingita per turisma movado posedas gvidfoliojn en naciaj lingvoj krom la propra, ĉefe do en angla, franca & germana, malpli en holanda kaj skandinavaj lingvoj. Ni aranĝu do seriojn de gvidfolioj en naciaj lingvoj ekzemple : Ĉeĥoslovakaj banlokoj, Germanaj banlokoj, Belga-Franca marbordoj, Vintro en Svislando, Italaj Lagoj, ktp., kunigita en koverto, sendebla al interesito kontraŭ repago de afranko. Tiamaniere turisto povas facile informiĝi en propra lingvo atendante ĝis kiam ekzistas esp. gvidfolio. Detalan regularon ni ellaboros.

* *

Vasta programo, malmulte da rimedoj. Por la nuna momento necesas ke troviĝu fakestro en la supre cititaj landoj. Post tiu-ĉi nova servo ni penos efektivigi esp. vojaĝojn. Metode laborante ni gajnas la atenton de l'publiko kaj interesigas homojn, ne atingeblaj per aliaj procedoj.

Do : Al la laboro !

*Hans Jakob,*
**Direktoro de UEA.**

(*) Adresoj: Turisma Servo de UEA: Germana sekcio: S-ro Johannes Karsch, Dresden N. 6, Postfach 10.
Turisma Servo: Franca sekcio: S-ro Richard Lévin, 51, Ave. Félix Faure, Lyon.



# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

## Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 3.

*Bilanco 1927.* — Dum Novembro ni povis fini la bilancon de la jaro 1927. Ekstrakta informo sekvos post aprobo de la jara raporto per la komisiono de UEA. La plena raporto aperos en la kongresa dokumentaro konforme al la statuto. Plezure ni povas sciigi ke la agado financa sekvis la vojon montritan en la plano de la Direktoro. La enspezoj atingis en la regula konto la sumon de Frk. 77 369,28 (Budĝeto: 75 085.—) la elspezoj Frk. 84 964,85 (Budĝeto: 82 500.—). La kresko ambaŭflanka egaliĝis preskaŭ, tiel ke la deficito atingis la sumon de Frk. 7595,47 kontraŭ la 7415.—antaŭviditaj. La egaligo de tiu-ĉi sumo fariĝis tiel:

| | Perdo: | Gajno: |
|---|---|---|
| Jara perdo en regulo konto: | 7595,47 | |
| Subteno el la Asocia Kapitalo 1927 | | 4000.— |
| Monkolekto, Por ke UEA venku la Krizon: | | 3053,07 |
| El dumjara konto Perdo-Gajno: | | 63,29 |
| Profito el Servoj: | | 479,11 |
| | 7595,47 | 7595,47 |

*Monkolekto 1927.* — La sumo ricevita ĝis fino de Oktobro 1927 atingis *Frk. 3053,07.* Dum Novembro kaj Decembro venis ankoraŭ aro da monhelpoj tiel ke ni povos krei protektan rezervon por 1928.

La listo de tiuj donacintoj aperos en proksima numero. Kore ni dankas al niaj samideanoj kiuj bonvolis kunhelpi por ke ni ne estu devigataj tranĉi ĉe fundamentaj aranĝoj kio ree endanĝerigus la situacion. La liston de la kolizantoj ĝis fine de Oktobro ni aldonas ĉi-tie kun rea sincera danko al ĉiuj.

Ni atentigas ke la tuta komitato de UEA voĉdonis por tiu-ĉi monkolekto jam en 1926. Estis kun vera malplezuro ke ni komencis tiun kolekton kiun nomis kelkaj « almozpetado ». Ĉiu kunhelpu estonte por ke simila devigo ne ripetiĝu.

| | Frk. sv. |
|---|---|
| S-ro Carles Martinez Fernandez, Sevilla (grupo, delegito kaj membroj) | 30.— |
| D-ro Sigel, Detroit, Michigan | 384.— |
| S-ro Karl Wagner, Hermannstadt, Transsilv. | 28.— |
| S-ro Dufrenne, Amsterdam | 20.— |
| (krome varbinta aron da novaj anoj) | |
| S-ro Fröde, Borgholm, Sved. | 7.— |
| S-ro Paulino Santiago, Maceio, Brazilo | 25.— |
| S-ro Franz Xaver Braun, Wien | 7.50 |
| S-ro Rhodes Mariott, Buxton, Angl. | 52.50 |
| Ges-roj Merkel, Ahlen, Germ. | 75.— |
| S-ro Carlen, Kumla | 6.85 |
| F-ino Monod, Morges | 25.— |
| S-ino Offerhaus, 's Gravenhage | 500.— |
| S-ro Josef Tichawski, Wallern | 3.— |
| S-ro Moreau, S-ro Delwig, S-ro Vrielink, Arnhem | 9.— |
| S-ro Brachet, Ecully, France | 5.— |
| S-ro Manuel Cuesta Ibaseta, Cuba | 5.— |
| S-ro Naastepad, Nijmegen | 5.— |
| S-ro Jezclik, Praha | 1.50 |
| S-ro Heny W. Hetzel, Philadelphia, USA | 4.50 |
| S-ro Beck, Exeter, Britlando | 10.— |
| Grupo de Sydney (Aŭstralio) per S-ro L. Pfahl, delegito | 62.80 |
| Aŭklanda Esp. Asocio (Novzelando) | 24.60 |
| S-roj Vujiĉic kaj Philpot, Auckland, Novzelando | 24.60 |
| D-ro Haas, Bielsko, Pollando | 5.— |
| S-ro Curt William, Stettin, Germ. | 25.— |
| S-ro C. Martin, la Bouchaud, Francl. | 2.— |
| S-ro J. de Jonge, Assen, Nederlando | 10.— |
| S-ro Josef Ittner, Neudorf, CSR | 7.70 |
| S-ro Roberto Donetti, San Remo, Italio | 4.— |
| S-ro Hugo Salokannel, Salminen, Finnlando | 3.— |
| D-ro Alessandro Mondini, Rovereto, Italio | 3.— |
| S-ro Van den Broek, Leiden, Nederlando | 4.— |
| S-ro Hallgató Sandor, Sarospatak, Hungario | 4.50 |
| Grupo de Basel (Svislando) per F-ino Tissot | 75.— |
| S-ro Gustav Matiek, Olcuava, CSR | 7.70 |
| Finnlanda sennomulo | 5.— |
| F-ino Ida Rolleston, Sigriswil, Svislando | 25.— |
| S-ro Jakob Frischknecht, Waldstatt, Svislando | 5.— |
| S-ro Fred. Goodliffe, Horsham, Brit. | 25.— |
| S-ro M. Génermont, Moulin sur Allier, Francl. | 6.— |
| D-ro Romuald Soloniewicz, Zychlin, Pollando | 2,50 |
| S-ro Ed. Ducommun, Le Locle, Svisl. | 20.— |
| S-ro Edwin Wahl, Drammen, Norv. | 13.50 |
| S-roj Jens Schierve, S-ino Aagot Sletteröd, F-ino Nelly Henriksen, F-ino Esther Nilssen, S-roj Björn Ottesen, Rolf Bugge-Paulsen, F-ino Emmy Henriksen, S-ino Rosa Marthinsen, S-roj Hans Korsmo, Arne Arnessen kaj Hon. Bonnevie, ĉiuj el Oslo, Norvegio | 57.22 |
| S-ro Fudro, Zabresrow, Pollando | 2.50 |
| S-ro James Reg. Miller, Stone, Brit. | 12,50 |
| Esp. Grupo « Lemana Stelo », Montreux, Svisl. (grupo, delegito kaj VD.) | 14.00 |
| S-ro Pieter Hendriks, Leeuwarden, Nederlando | 26.— |
| S-roj Erik Bogren, A. Rosenberg, E. W. Ahman, S. Svensson, Ivar Spjut, E. G. Torgny kaj Gustaf Hedert el Skara; plie S-ro Johan Törnbergson el Broddelorp, S-ro Gideon Karlsson, Hallum kaj S-ro Ejnar Olsson el Gatan (Svedlando) | 40.50 |
| Esp. Grupo en Cremona, Italio | 37.50 |
| S-ro Evan Percy Barrat-Cocks, Stoke on Trent, Brit. | 12.50 |
| S-roj Scholz, Walter Schmok, Carl Walter, Eugen Reiche, D-ro Glücksmann-Weidler, Karl Fischer, Hans Mohr kaj F-ino Margarete Henschke en Berlin | 13.75 |
| S-ro Jean Martin Bakker, Groningen, Nederlando | 25.— |
| S-ro Otto de Beus kaj D-ro W. C. Bonhof, Culemborg, Nederlando | 7.— |
| S-ro Jacob Jacobson, Nordmaling Svedio | 6.75 |
| S-ro Armas Numminen, Loimaa, Finlando | 7.50 |
| S-ro Wilhelm Kockskemper, Wickede-Asseln, Germ. | 6.25 |
| F-ino Frances M. Bartholomew, Letchworth, Brit. | 75.— |
| S-ro Emile van de Laarschot, Bussum, Nederlando | 10.— |
| S-ro D. Hage, Zuid Beyerland, Nederlando | 7.50 |
| S-ro Linus Andrén, Svennevad, Svedio | 3.25 |
| S-ro O. Kettunen, Joensuu, Finlando | 12.50 |
| S-ro Emil Andreassen, Tistedalen, Norvegio | 15.— |
| S-ro Richard Huber, Luzern | 5.— |
| D-ro Hermann Lummerzheim, Wolfen, Germanio | 12.50 |
| F-ino E. Manssen kaj F-ino A. Fransen, Zaandam, Ned. | 32.50 |
| S-ro Isaak Zafranski, Rowne, Pollando | 5.— |
| S-ro Jan Bocskay, Nova L'ubovna, CSR | 5.— |
| S-ro Joh. Noever, München-Gladbach, Germ. | 5.— |
| S-ro Tarnow, Galkhausen, Germanio | 5.— |
| S-ro Mudr Veĉera, Vladislav, CSR | 7.49 |
| S-ro Toivo Lehtonen, Röykkä, Finlando | 4.50 |
| S-ro Otto Sklenĉka, sumoj ricevitaj de: | |
| S-roj Jindrich Schruteck, Nemecky Brod; Eugen Hoffmann, Trencin; A. Bartos, Podobora-Chotebuz; Pavel | |

| | Frk. sv. |
|---|---|
| Przeczek, Podobora; Josef Michalsky, Spiska Nova Ves; Frantisek Pytloun, Bakov nad Jizerou; V. Liebscher, Malé Svatonovice; Josef Sprusansky, Komarno; Otto Sternschuss, Reisenberg; Esp. Grupo en Louky nad Olzou; Jan Raszyk en Louky nad Olzou; Viktor Badin Nové Zamky; Esp. Klubo en Prostejov; Jan Novotny, Ruda Benes, Miroslav; Sic kaj Herman Jiranek, Zelezny Brod; Alois Rossmanith, Mährich Ostrau; Franz Benisch, Mährich Ostrau; F-ino Grete Kellner, Mährich Ostrau; S-roj Maz Zobel, Mährich Ostrau; F-inoj Else Teichmann, Else Preussner kaj Hedwig Herdegen, Mährich Ostrau; Bund Deutscher Esperantisten, Mährich Ostrau; F-inoj Maris Baroch Schles. Ostrau; Agnes Itzely, Privoz; Marie Wolf, Privoz; S-roj Hans Janik, Witkowitz; Rudolf Baier, Ellgoth bei Hultschin; Franz Petrak, Mährich Ostrau; F-ino Irma Censor, Privoz; S-roj Berthold Lucke, Ernst Weiss kaj Erwin Appelt, Puletschnei; Jan Dvoracek, Leo Dittrich kaj Odon Hovak, Ceska Skalice; Pastro Karl Czech, Seifen, p. Berstadt Platten, entute | 126.10 |
| S-roj Luis kaj Antonio Santamarina, Barcelona | 10.— |
| S-ro W. L. Person, Stuart, USA | 25.— |
| S-ro J. C. Lechmere-Oertel, Leddington; F-ino E. A. Jones, Kingston on Thames; S-inoj E. M. Kendrik, East Molesy; Emms, Hampton Wick, Brit., kune | 12.50 |
| Maryland Esp. Society, Anapolis, USA | 25.03 |
| S-ro Juan Zugaraga, Galdanaco, Hispano | 3.53 |
| S-ro C. C. Fears, Louisville, Usono | 5.— |
| S-roj Antonio Peri, inĝ. Rinaldo de Orengo; D-ro Donato Pace, Danilo Marchesi, Adolfo Maccione, Poggi Alfredo, D-ro Pilippa, M-ro Luigi Gagnotto kaj Hotelo Savoja San Giorgio, ĉiuj en La Spezia, Italio, kune | 12.— |
| S-ro Kan, sumo kolektita inter la esperantistoj de Panevézys, Litovo | 26.— |
| S-ro Antonio Balaez kaj Kapitano Andrés M. Oliva, Santa Clara, Kubo | 5.— |
| S-ino Alice Lipka, F-ino Marie Adamková, S-roj inĝ. P. Blahut, Johann Liberda kaj Josef Pilch, Trinec, CSR | 15.— |
| S-ro J. E. Hookham, Hampton Wick, Brit. | 3.— |
| S-ro Claus Koops, Darmstadt, Germ. | 6.25 |
| F-ino E. B. Ireland, Hove, Brit. | 12.50 |
| F-ino Elinjo Székely, S-ro Emil Löbi, F-inoj Maria Kleinberger, Emmy Hahn, D-ro Sam. Parai kaj S-ro Paŭlo Tolnai, Budapest, Hung. | 19.— |
| S-ro Ch. S. Taylor, Haverford, Usono | 127.— |
| Sumo kolektita de S-ro Omlor, St. Ingbert, Saar | 64.— |
| F-ino A. M. Gobiet, Papendrecht, Nederlando | 16.— |
| S-ro L. Blot, Angers, Franclando | 20.— |
| S-ino J. G. Bramkamp, S-roj C. H. Bramkamp kaj Jan Ziermans, Scheveningen, Nederlando | 20.— |
| S-roj Hristo Marinov kaj Krstju Georgiev, Stanimaka, Bulgario | 5.— |
| S-ro David Tullo, kolektita sumo en la Edinburga regiono, plie S-roj Robert Stevenson, F-ino Frances Stevenson kaj S-ro K. Gray en Stevenston, kune | 56.40 |
| S-ro Fr. Rockman, sumoj ricevitaj de: S-roj Pfaff, Worms, Fritz Fuhrmann, Dortmund; grupo de Frankenstein, grupo de Kreuznach (S-roj Carl Zorn, Ludwig Schmidt, Toni Kohl, Josef Braun, Walter Walter, Hans Corell, Oswald Weisser kaj Emil Starke), Prof. Hermann Göhl, Neugersdorf; grupo de Neugersdorf, grupo « Verda Stelo », Meissen; S-ro Kurt Ebert, Lengenfeld kaj Alois Schieber, München, kune | 82.50 |
| S-ro Samuel Genio, Jerusalem, Palestino | 25.— |
| S-ro Dinko Baselli, Metkovici, Jugoslavio | 4.50 |
| S-ro John Hesketh, Selby, Britlando | 6.25 |
| Esperanto grupo Weinböhla, Germanio | 6.25 |
| Per S-ro Delanoue: Esp. Grupo en Le Creusot, Prof. Morain kaj S-ro Fontaine, del. en La Creusot; Esp. Grupo en St. Amand-les-Eaux, S-ro Tiard, Ch., Paris; D-ro Gaston Maillard, L'Hay-les-Roses; S-roj Buvat, Lalu-Treban; Colomban, Russey; François Soubranne kaj Esp. Grupo en Tulle, kunne | 48.— |
| D-ro Herm. Wehrheim, Hildesheim, Germ. | 41.25 |
| S-ro Fritz Block, Tilsit, Germanio | 12.50 |
| S-ro Douglas Buchanan, Rothesay, Skotlando | 131.25 |
| S-ro Toivanen, Wiipuri, Finlando | 3.75 |
| S-ro Krits Bruklis, Alsunga, Latvio | 6.— |
| S-ro Cornelis Govers, Helder, Nederlando | 17.— |
| S-ro Fried. Graser, Bergen Enkheim, Germanio | 6.25 |
| S-ro Norman W. Frost, Cambridge, Usono | 10.— |
| Entute | 3053.07 |

*Peto je kunlaboro.* — Ni informas nian membraron, ke la Internacia Oficejo de Edukado, 4, rue Charles Bonnet en Genève sendis leteron kaj aliĝilojn al aro da membroj de nia Asocio, petante helpon kaj partoprenon. Ni memorigas, ke la Internacia Oficejo de Edukado multe favoras Esperanton kaj ke ĝi kalkulas plurajn anojn de UEA. Ĝi meritas ke ankaŭ ni helpu ĝian celadon kaj ni varme rekomendas la leteron al via atento.

*Jarlibro 1928.* — Ĝi estas nun redaktata kaj la pli granda parto estos ĉe la presejo ĝis meze de Januaro 1928. Malgraŭ nia insistado aro da delegitoj ne resendis ĝis nun la respondilon kaj ankaŭ div. esp. organizaĵoj ne respondis la tute pretan demandaron al ĉiuj senditan. Por ke estonte ne ripetiĝu plendoj pri eventualaj mankoj ni indikos la nerespondintajn organizaĵojn per steleto.

*Reklamoj 1928.* — Ni povas akcepti reklamojn por la jarlibro 1928 (kolora papero) ĝis Januaro 1928. Ni tre petas niajn aktivulojn serioze klopodi por ke tiu-ĉi enspezo ne malgrandiĝu. Ĉiu plia reklamo nerekte plibonigas la jarlibron.

*Korespondado.* — Pro troa okupiteco dum Decembro kaj Januaro, la korespondado iom prokrastiĝas kaj — os. Ni petas paciencîĝi!

*Premio al frupaginto.* — Pro teknika fuŝo enŝteliĝis eraro en la listo de la premioj al fruepagintoj. La numeroj 8, 9, 11 kaj 12 ne aperis kaj verŝajne aperos nur post iom da tempo. Por ne prokrasti la sendon ni sendigas alian libreton laŭ nia elekto.

Genève, 15 Decembro 1927.

*Hans Jakob*, direktoro de UEA.

---

## Oni laŭdas!

* S-ro *Keiichi Shishido*, Vicdel. de UEA, en Kioto, kaj S-ro *Joŝicugu Okamoto*, redakcia komitatano de la « Revuo Orienta », en Tokio, plej kore dankas al S-ro *Masutoŝi Kidosaki*, en Fukuoka pro la amika akcepto kaj gastigado dum la pasinta Japana Esperanto-Kongreso.

* S-ro *Rodeyns*, delegito de UEA, en Tirlemont, Belg., dankas al ĉiuj kiuj bonvolis sendi al li ekspozician materialon.

* S-ro *Jan Molnár*, bankoficisto en Praha-Dejvice sincere dankas al jenaj gesamideanoj, kiuj ofereme kaj gastigeme akceptis lin dum lia vojaĝo: S-ro *G. A. Francke*, delegito UEA, F-ino *Ch. Hasselbach*, en Berlin; S-ro *Anderson*, delegito UEA, en Malmö; F-ino *Lumpi Backmann* kaj S-ro *Larson*, delegito UEA, en Stockholm; F-inoj *Holpa Tamminen*, *Leivo*, *Konumi*, en Helsinki kaj F-ino *Dresen*, en Tallin.




* *Vieno.* — Gesamideanoj, aŭskultu ĉi tiun fortan kaj klaran sendstacion. La parolanto raportas pri diversaj interesaj okazintaĵoj en estinteco kaj estonteco kaj parolas tiel malrapide, ke ankaŭ neperfektaj esperantistoj povas sekvi kaj havos ĝuon de tiuj ĉi dissendoj. (Vidu la Esp. Radio-Programon.)

* *Hamburg.* — Dezirinde estus, se ĉi tiu sendstacio ŝanĝus la horon de la dissendado, ĉar la disvastigado de la radio-ondoj antaŭtagmeze ne estas tiel bona, kiel dum la malluma tempo de la vespero.

* *Interesan eksperimenton* faris la radio-sendstacio Breslau dum la dissendoj en Esperanto la 4-an de Novembro vespere je la 22,15 M. E. T. Subite oni aŭdis la konatan voĉon de D-ro Privat-Ĝenevo. Li parolis pri la elparolado de Esperanto. Ĉi tio estis parolita okaze de la Danziga Esperanto-Kongreso kaj fiksita sur gramofona disko « Tri-Ergon » kaj nun dissendata per la sendstacio. Same ankaŭ la salutparolado de D-ro Privat okaze de la malfermo de la XIX-a Kongreso kaj la Prologo, parolita de S-ino Herrnstadt-Oettingen. Per ĉiuj tri paroladoj oni bone povas studi, kiel facile komprenebla estas la lingvo en radio. Malgraŭ ke la paroladoj estis fiksitaj sur gramofonaj diskoj kaj de tie dissenditaj per la etero, kaj malgraŭ ke la Breslau'a sendstacio estis malhelpata per tro najbara alia sendstacio, la teksto estis facile kaj bone komprenebla ankoraŭ je centoj da kilometroj malproksime de Breslau.

Ĉi tiu eksperimento pruvis la taŭgecon de Esperanto kiel Radiolingvon. Certe la plej multaj de la naciaj lingvoj ne alvenis tiel klare kiel Esperanto.

* *Transigo de bildoj.* Depost la 1-a de Decembro estis aranĝita inter la urboj Berlino kaj Vieno transigo de bildoj. La bildo transigita ne estu pli granda ol 19 x 10 cm. kaj ne pli malgranda ol 4 x 10 cm. La transigo daŭras 12 minutojn kaj okazas per kablo, ĉar la interferenco nuntempe ne ebligas la transsendon per radio-ondoj.

* *Kopenhago* deziras sciigojn pri ricevado. Pri ĉiu sciigo estas kvitancita dum la venonta dissendado.

## Esperanta Radio-Programo

Kunmetita de J. J u n g f e r, Lindenstr. 10, Lübben N.-L., Germanio

Kompletigu! Gesamideanoj Korektigu!

* Precizaj kaj novaj informoj mankas.

### DIMANĈON

| G. M. T. Tempo Universala | M. E. T. Mez-eŭropa horo | Sendstacio — ondo — kilovato Relajstacio — Dissendas en Esperanto |
|---|---|---|
| 08.00 | 09.00 | *Moskvo,* 1450 m. — 6 kv. — Sciigoj kaj novaĵoj. |
| 10.00 | 11.00 | **Hamburg,* 394,7 m. — 4 kv.; Hannover, 297 m.; Bremen, 252,1 m. |
| 11.00-12.00 | 12.00-13.00 | **Harkova,* 477 m. — Esperanto gazeto « Etero ». |
| 17.30 | 18.30 | *Königsberg,* 329,7 m. — 4 kv.; Danzig, 272,7 m. — 1,5 kv. — S-ro Schattat, Knochenstrasse 61, Königsberg, Pr., 30 m. Esp.-intruado; kelktage por komencantoj, kelktage por progresintoj. |

### LUNDON

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 16.30-18.30 | 17.30-19.30 | **Kaunas,* 2000 m. — 7 kv. — Parolado pri diversaj temoj. |
| 20.40 | 21.40 | *Falun,* 387 m. — 7 kv. — 30 m. Esperanto. |
| 22.15 | 23.15 | *Bruxelles,* 508,5 m. — 1,5 kv. — S-ro D-ro Kempeneers, 20, rue aux Laines, Bruxelles. 5 min. Programo de la semajno. |
| 22.30 | 23.30 | **Moskvo,* 1450 m. — 6 kv. — Sciigoj kaj novaĵoj. |

### MARDON

| G. M. T. Tempo Universala | M. E. T. Mez-eŭropa horo | Sendstacio — ondo — kilovato Relajstacio — Dissendas en Esperanto |
|---|---|---|
| 21.00 | 22.00 | **Lyon,* 291,3 m. — 1,5 kv. — Esperanto instruado. |
| 22.00 | 23.00 | **Moskvo,* 1450 m. — 6 kv. — Sciigoj novaĵoj. |

### MERKREDON

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 18.40 | 19.40 | *Brno-Brünn,* 441,2 m. — 3 kv. — S-ro J. Bednar, Dobrovskeho 16, Brno, Septembro ĝis Decembro. 20 min. instruado por komencantoj. |
| 19.00 | 20.00 | **Odessa,* 975 m. |
| 22.00 | 23.00 | **Bilbao,* 415 m. |
| 22.00 | 23.00 | **Minsk.* |

### JAŬDON

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 17.45 | 18.45 | *Vieno,* 517,2 m. — 5 kv. — 577 m.: Graz, Klagenfurt, Innsbruck. — S-ro Walter Smital, 10 min. parolado pri diversaj temoj. |
| 19.00 | 20.00 | **Tallinn,* 408 m. |
| 19.20 | 20.20 | **Genevo,* 760 m. — 1,5 kv. |
| 20.00 | 21.00 | **Paris,* 458 m. — 10 kv. |
| 20.15 | 21.15 | **Paris,* 1450 m. — 3 kv. |
| 22.00 | 23.00 | **Novosibirsk,* 1117 m. |

### VENDREDON

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 18.00 | 19.40 | *Bruĥelles,* 508,5 m. — 1,5 kv. — S-roj Mathieux kaj De Schutter, 30 m. Esp. instruado por komencantoj. |
| 18.45 | 19.45 | *Stuttgart,* 379,7 m. — 4 kv. — Freiburg, 577 m. — 0,7 kv., 10 min. programo de la venonta semajno. |
| 18.50 | 19.50 | *Zürich,* 588 m. — 1 kv. — 10 min. Esperanto. |
| 21.15 | 22.15 | *Breslau,* 322,6 m. — 4 kv. — Freiburg, 577 m. — 0,7 kv. — F-ino Marg. Polier,, Augustastrasse, 39, Breslau, 5, 10 m., plej ofte temoj pri Silezio. |
| 22.15 | 23.15 | **Leningrad,* 223,9 m. — 10 kv. |

### SABATON

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 16.30 | 17.30 | *Bern,* 411 m. — 1,5 kv. — 30 m. Esperanto. |
| 17.55 | 18.55 | *Königsberg,* 329,7 m. — 4 kv. — Danzig, 272,7 m. — 1,5 kv. — S-ro Schattat, 5—10 min. programo de la venonta semajno. |
| 18.20 | 19.20 | *Kopenhago,* 377 m. 0,7 kv. — Kalundborg, 1153 m. — 7 kv. — S-ro P. Lendorff, Hartmanns Allee 71, Kopenhago, 10 min., programo de la venonta semajno. |
| 18.40 | 19.40 | *Brno-Brünn,* 441,2 m. — 3 kv. — S-ro J. Bednar, 20 min. instruado por komencantoj. |
| 22.30 | 23.30 | **Moskvo,* 1450 m. — 6 kv. — Programo de la venonta semajno. |

### ĈIUTAGE

| G. M. T. | M. E. T. | Sendstacio |
|---|---|---|
| 18.55 | 19.55 | *Königsberg,* 329,7 m. — 4 kv. — Anonco de la stacio kaj ondlongeco. |

Gesamideanoj observu la dissendojn en Esperanto, skribu al la sendstacioj viajn opiniojn !

## Adresaro de la Radio-Sendstacioj

Daŭrigata de paĝo 190 numero 10/11.

Sendstacio: Brno-Brünn

Adr.: Radio-Journal Brno. Nova ulice 18, Ĉeĥoslovakio.

Sendstacioj: Kopenhago, Kalundborg

Adr.: Statsradiofonien Kopenhago K, Kobmagerdade 37, Danujo.

**Daŭrigota!**

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ ; L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. blf = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj

**AVERTO!**

S-ro Jan Bastel, V. D., de UEA en Slerská Ostrava, avertas pri S-ro Takeo Karakawa, Denki Kogaluka Kioto-Teikoku-Daigoku, Japan; al kiu li sendis PM valorantaj 500 Fr. Fv. dum Februaro 1927 nericevinte informon malgraŭ 3-foja admono.

**Amsterdam** (Nederlando). S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak, 95, PM kĉl.
**Arezzo** (Italio). S-ro Corrado Cerri, Str. Isonzo 12, L pri filosofio kaj pedagogio nur serioze kun studentinoj de filosofio.
**Burgas** (Bulgario). F-ino Dorotea Softova, str. Car Asparuh 7, 18-jaraĝa fraŭlino, jus fininta gimnazion L PI kĉl. pri ĉia temo.
**Cluj** (Rumanio). S-ro Ludvig Salamon, Cal. Gen. Dragalina 23. L, PK, PI. Certe resp.
**Cluj** (Rumanio). F-ino Katica Herrmann, artistino de piano, Palatul « Urania » L pri muziko kĉl. nur kun seriozoluj.
**Deva** (Rumanio). S-ro Francisko Heim, filmoperatoro, Str. Muresului N. 1. L PK kĉl. precipe fot-ajojn. Respondos certe.
**Deva** (Rumanio). S-ro Ladislao Samuel, Tipografio « Dreptatea », PI, L, kĉl.
**Ceglow** apud Minsk (Pol.). Parohestro mariavita Wladislaw M. Tadeo Bucholc, deziras korespondi pri religiaj kaj sociaj temoj.
**Felicjanow**, poŝto Bodzanow plocki (Pol.) Pastro mariavita M. Alfonso Jalosinski, Religiaj ĝaj sociaj temoj.
**Plock** (Pol.). Episkopo mariavita M. Filipo Feldman, Str. Dobrynska 27. Religiaj kaj sociaj temoj.
**Warszawa** (Pol.). Pastro mariavita Jan M. Winc. Nowakowski. Str. Szara 8. Relegiaj kaj sociaj temoj.
**Karlstad** (Svedio). Per Afze Afzelius, bankoficisto, Göteborgs Bank, P. M. volonte ankaŭ duoblojn. Se eble skribmaŝina, korespondado.
**Loimaa** (Finlando). S-ro Eenok Hellsten, 20-jara fraŭlo, L. PI, fotajoj, kĉl. precipe Estonio, Latvio, Litovio, Pollando. Holando, Belgio kaj Germanio. Nepre respondos.
**Lonea** (Rumanio). S-ro Branga Dumitru, Jud. Hunedoara, PM, PI, sendu 2—300 pm de via lando kaj mi faros same.
**Madrid** (Hispanio). S-ro Jaime Valero, Andres Mellado 6. L kaj PK, pri vegetarismo, pentrarto kaj ĉiaj temoj escepte politikaj kĉl. Certigas nepran respondon.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Erik Anderberg, Fredsgatan 14 b, L PI kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Malte Anderberg, Fredsgatan 14 b, PI kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Erik Dahlström, Fredsgatan 14 b, PM, PI, Fot. kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Valter Frithiof, Fredsgatan 27 b, PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Hjalmar Hakansson, Ringgatan 11, PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Karl G. Jönsson, Rapsgatan 5, PM, PI, L, kĉl. Ĉiam respondos.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Hans Larsson, Studentgatan 6, PI, L, Fot., kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Edvin Lindholm, Lilla Trädgårdsgatan 4, PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Per Mellblom, Kvart. « Kämpen » 5, Karlströg, PI, L, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Erik Molin, Majorsgatan 17, L, PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Sven Nilsson, St. Trädgårdsgatan 26 a PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Bertil Olsson, Kristiantandsgaran 21, PI, kĉl.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Karl Sjöberg, Ostra Dalgatan 16, L, PI, Fot.
**Malmoe** (Svedio). S-ro Alf. Vendelin, Ystadsgatan 32 a, PI, kĉl.
**Montevideo** (Urugvajo). S-ro Luis A. Beltrame B, str. Uruguaj 1491, PI, kun Italio
**Montevideo** (Urugvajo). S-ro Rómulo Zeballos Morales, studento, str. Cerro Largo 1534, nur PI, kĉl.
**Pisek** (CSR). S-ro Ant. Franĕk, trida Svobody 166, PM, PI, bfl kĉl, fotoj. gaz. Ne sendas unue, sed certe respondas P malnova Aŭstrio, Bosnio-Hero. Montenegro, Ĉehoslovakio.
**Pleven** (Bulgario). S-ro Ilia Stojkov, ul. 179 a N. 75, L, PI, kĉl.
**Preston** (Brit.). S-ro K. L. Benson, 46 Higher Bank Road, Fulwood, serĉas koresp-antojn francojn kaj italajn PK, PI, por ses lernantoj 16-jaraj.
**Rodange** (Luksemburgo). S-ino Anny Schoeters, nur PM prefere valorajn kun seriozuloj, bagatelajojn ne akceptas.
**Sendai** (Japan). S-ro E. Tsuchii, 21 Moto Aramachi, PI.
**Stara Zagora** (Bulgario). S-ro *latko (Riry) Ĉarakĉjev, 18-jara junulo PI, L germane aŭ esp. kun junulo aŭ junulino en Aŭstrio. La celo estas unumonata vizito dum somero por perfektiĝi en germ. lingvo. Poste la aŭstriano venus en Bulgarion. Portretoj nepre.
**Stockholm** (Svedio). Klaso da 12-jaraj knaboj deziras korespondi kaj interŝanĝi. « V, Mälarhöjdens Folkskola, Mälaröjden. »
**Svobodné Dvory** u Hradce Králové (Ĉehoslovakio). S-ro František Poul, meblisto továrna « Dermalid » L. PI kun Japonoj.
**Toronto**, 5 (Kanado Ontario). S-ro. D. W. M. Jenkins, 514 Jarvis Str., bedaŭras ke li ne povas respondi al ĉiuj la sendajoj multnombraj ricevitaj. Dankon al la sendintoj!
**Trieste** (Italio). S-ro Antonio Kormazh. Via A. Manzoni 3, PM, laŭ Yvert, kĉl.
**Uddevalla** (Svedio). La anoj de la esp. grupo dez. korespondi kĉl. Bonvolu skribi al Emil Wassenius, Vadbacken 7.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco

**Filatelio.** De la 15-a de Decembro 1927 ĝis la 15-a de Januaro 1928, la belga poŝtadministracio eldonos specialan antituberkulozan poŝtmarkon, profite de diversaj societoj inter kiuj ni speciale citas la blindulan societon, fonditan sub la aŭspicoj de la Konstanta Konsilanta Komitato por Plibonigo de la Blindulsorto. Pro la malmulteco de la presnombro, tiuj poŝtmarkoj fariĝos baldaŭ multvaloraj. Ni ne dubas ke multaj kolektantoj deziros posedi ĉi tiujn poŝtmarkojn. Bonvolu antaŭmendi (po serioj) ĉe subskribinto, aldonante monsumon. Ĉiu serio enhavas 4 p. m.: 0,25 + 0,10; 0,35 + 0,10; 0,60 + 0,10; 1,75 + 0,25 = Sume: 2,95 + 0,55 = 3,50 b. fr. po serio + sendkostoj. Hendrix, Victor, sekr. de la K. K. K. P. B., 52, rue du Repos, Uccle Belgique.

**Filatelistoj atentu!** Estas serĉata vigla interŝanĝo de poŝtmarkoj kun la tuta mondo kontraŭ poŝtmarkoj de Orienta Silezio, Ĉehoslovakio kaj aliaj laŭ bazo de kat. Yvert 1928. Mi akceptos ankaŭ la novajojn neuzitajn 5—20 de la sama speco. Bagatelajoj rifuzataj. Tuja respondo. Rekomenditajn sendajojn filatelie afrankitajn sendu al S-ro Jan Bastl, vicdelegito de UEA, Slezská Ostrava 1201, Ĉehoslovakio.

**Filatelisto** serioza interŝanĝas P. M. Respondo certa. Adreso: Sovetio, Moskva 21, Ulica Usaĉeva 19-a Korpus 4, kv. 4, S-ro Vladimir Ljsenko.

**Fotografaĵoj** de la XIX-a kongreso en Danzig kaj en Varsovio estas aĉeteblaj por 0.15 USA dol. po unu ekzemplero aŭ egalvaloro en alia mono. S-ro Golosow, fotografisto, ul. Chmielna 8, Warszawa, Pol.

**Karakterpriskribado** el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

**Meblokatalogo.** Mi petas la samideanojn el ĉiuj mondpartoj, ke ili sendu al mi plej diversajn meblokatalogojn kaj meblopresaĵojn Rekompence mi nepre sendos esperantaĵojn probulgarajn. Teodoro St. Lazarov, instruisto, Gara Dolen-Ciflok, Varnensko, Bulgario.

**Violonkonstruisto**, 28-a deziras korespondadi serioze pri sciencaj aferoj kun eksterlandanoj ankaŭ P. K. I. Erich Konrad, Klingenthalerstrasse, 29, Erlbach i. Vogtland, Germanio.



## Esperantista vivo

*Naskiĝoj.* — Al Ge-sroj *Otto* kaj *Ema Neoral* en Olomouc, Ĉeĥoslovakio, membro de UEA, naskiĝis filo nomita *Lubomir*. Sekve de tio la tiea UEA delegito S-ro *A. Kudela* fariĝis avo.

— Al Ge-sroj *Alfus*, ano de UEA, en Kraków naskiĝis filino.

— Al Ge-sroj *Huber*, MS de UEA, Hamburgo kaj Aberdeen, filo *Conrad*.

— A Ge-sroj *Muller-Noguet*, eksdel. en Besançon nun en Firminy filino.

*Edziĝo.* — S-ro *Luigi Topi*, delegito de UEA en Casale Monferrato kun F-ino *Giuseppina De Santis*.

*Honorigo.* — D-ro *Bruno Migliorini*, ano de la Esperantista Akademio (Romo) estas akceptita kiel privat-docento de latinida lingvistiko.

# Esperanta Internacia Literatura Konkurso,

## okaze de la VIIa. HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO en SEVILLA.

(DE LA 5a. ĜIS LA 9a. DE NOVEMBRO DE 1928).

Ĉiam kaj ĉie oni kutimis honori la sciecon, kaj tial ni ne miras kiam, per la Biblio kaj Mitologio, ni scias pri apoteozoj. Egiptoj kaj Hebreoj tion kutimis, diiginte la unuaj sian reĝon OSIRIS, kaj adorante la duaj poeton Davidon ; sed la Grekoj estis kiuj plej altgrade honoris la sciecon, kiuj unue fondis Ateneon kaj organizis beletristikajn konkursojn kun premioj por la konkurantoj. La Romano imitis la Grekojn.

La Hispanoj, ĉu Arabaj, ĉu Kristanaj, okazigis gravajn festojn, kaj dum regado de iuj reĝoj, iliaj kortegoj estis tre famaj kunvenigante ĉe si poetojn kaj sciulojn el ĉiuj popoloj, kaj samtempe brilis samaj festoj ĉe Provenco. Je la jaro 1323-a, la tagon, kiam oni festas ĉiujn Sanktulojn, en ĝardeno de la franca urbo Toulouse, kunvenis sep kavaliroj amantaj la beletristikon kaj decidis sin turni al poetoj invitante ĉi tiujn partopreni konkurson por la UNUA DE MAJO de la sekvanta jaro, promesante violon el oro al plej bona poeto ; kaj la urbestraro voĉdonis okazigi ĉiujare KONKURSON, kaj pligravigis la aferon nomante kancelieron kaj sekretarion : la UNUA stampis la premiitajn versaĵojn, kaj la DUA kopiis ilin sur aparta registrolibro, kaj 32 jarojn de post la unua konkurso, oni starigis ĝiajn leĝojn kaj duan kaj trian premiojn, kiuj estis krataga floro el oro kaj DOKTORO la gajninton la tri premiojn.

Ankaŭ oni kronis el laŭro la plej bonan kaj alnomis lin FIDELA AMANTO DE L'KORTEGO DE AMO, ĉar li ricevis la kronon kaj premiojn el manoj de virino nomata REĜINO, kaj ĉirkaŭata de aliaj virinoj, ĉiuj junaj kaj kiel eble plej belaj, formantaj la KORTEGON DE AMO. La festo komenciĝis per diservo kun ĉeesto de la urbo-konsilantaro la poetoj en la urbestrejo deklamis siajn versaĵojn dum solena kunveno antaŭ la aŭtoritatuloj, k.c., la duan tagon ; trian tagon, la poetoj, izolataj ĉe salono, improvizis verkojn pri antaŭe difinita temo, kaj poste antaŭ statuo de KLEMENCIO el blanka marmoro kronata de floroj kun zono el floroj pendanta ĝis la piedoj, la poetoj deklamis la improvizitaĵojn kaj ricevis premiojn, kaj fine la publiko kaj muzikistaroj, urbaj estroj kaj gardistaro, solene akompanis premiitojn al iliaj hejmoj.

En ĉiuj regionoj de Hispanujo, de antaŭlonge, oni kutimas okazigi tiujn FLORAJN LUDOJN aŭ LITERATURAJN KONKURSOJN, kaj la « Hispana Esperanto-Asocio », per ĉi tiu cirkulero sciigas la fondon de la INTERNACIA LITERATURA KONKURSO DE ESPERANTO al niaj samideanoj de la tuta mondo.

La UNUA KONKURSO estos okaze de la VII-a. Hispana Kongreso de Esperanto en Sevilla, de la 5-a ĝis de la 9-a de Novembro de 1928-a, laŭ la jenaj temoj :

I.-a. — Kanto al la Majstro, D-ro Zamenhof. Per ĝi oni vidigos lian gloran, laboreman, homaman vivon (Tiu temo konsistos el ne malpli of 150 versoj, kaj ne pli ol 300) = II-a. — Kanto al la internacia helpa lingvo Esperanto. = III-a.— Kanto al la interna ideo de Esperanto. (En la II-a kaj III-a temoj, la verkoj enhavos minumune 50 versojn, kaj maksimume 100). La rimo de ĉi tiuj tri kantoj estos 'ute perfekta kaj kompleta. IV-a — V-a — kaj VI-a : Ĉi tiuj tri temoj estos prozaĵoj laŭ kiel eble plej simpla Zamenhofa stilo, pri la samaj tri antaŭaj temoj, sed la « Kanto al la Majstro » (IV-a temo) estos nur proza poemo, glorante la Majstron, ne priskribante, kiel la verso postulas, Ĉi tiuj tri temoj konsistos maksimume el 150 linioj, kaj minimume el 76 linioj (ĉiu linio el 70 literoj). = VII-a. — Projekto pri kiel eble plej simpla organizado de la Tutmonda Esperantistaro sur la bazo de Universala Esperanto-Asocio, unuigante reale la Esperantistojn, simpligante la kotizaron, enkalkulante en ĝin la naciajn Asociojn kvazaŭ aŭtonomajn elementojn de tutmonda ŝtato, kaj ĉiagjn profesiajn Asociojn kiel teknikajn fakojn. La projekto ne kalkulos pli ol 250 linioj, (70-litera ĉiu linio) kaj pritraktos la Regularon kaj ĉion necesan por starigi unuigitan Esperantistaron.

KONDIĈOJ : I-a. Verkistoj sendos Kvin maŝinskribitajn ekzemplerojn el ĉiu verko kun temo akompanante fermitan koverton entenantan folion kun la temo, antaŭnomo kaj nomoj de la verkisto, nacio, urbo, strato kaj numero, al S-ro Carlos Martinez Fernandez, Sekretario-Kasisto de la Organiza Komitato, strato Rioja n. 25. = SEVILLA (Hispanujo).

II-a. — Verkistoj nur rajtas partopreni versajn aŭ prozajn temojn, ne ambaŭ, sed jes la VII-an.

III-a. — Oni ne resendos originalojn, kaj ĉiuj absolute restos propraĵo de Hispana Esperanto-Asocio.

Originaloj estos ricevotaj nepre de la Sekretario-Kasisto, antaŭ la UNUA tago de la monato Majo 1928.

**Rimarko.** — Oni monpremios malavare la SUKCESINTOJN por kio la komitato jam havas kelkcenton da pesetoj. De tempo al tempo, ĝi publikigos detalojn en la esp. gazetaro pri la konkurso.

**Organiza Komitato de la VIIa. Hispana Kongreso de Esperanto, Sevilla**

# Plej novaj eldonaĵoj de la Internacia Laboroficejo

Inter la « Raportoj » lastatempe eldonitaj de la Internacia Laboroficejo estas :

**Scientific Management in Europe.**
**L'Organisation scientifique du Travail en Europe.**

de Paul DEVINAT

*(Scienca Organizo de la Laboro en Eŭropo.)*

La aŭtoro, kiu estas Direktoro de la Internacia Instituto pri Scienca Organizo, priskribas la devenon kaj celon de sia enketo kaj poste rakontas la kreskon kaj progreson de la movado por scienca organizo en Eŭropo post la milito, klasifikante la instituciojn por studado kaj esplorado en ĉiu lando. Li ekzamenas la ĝeneralan evoluadon de la movado kaj la praktikajn rezultatojn atingitajn kaj fine raportas la opiniojn de specialistoj, teknikistoj, industriaj mastroj kaj laboristoj, kun kiuj li interrilatiĝis dum la enketo.
Genève, 1927, 8-o, 260 pp. Sv. fr. 5. 4 ŝ. aŭ $ 1.00.

**Industrial Relations in the United States.**
**Relations industrielles aux Etats-Unis.**

de H. B. BUTLER, C. B.

*(Industriaj rilatoj en Usono)*

Tiu studo celas prezenti koncizan kaj senpartian bildon de la rilatoj inter dungantoj kaj dungatoj en Usono. La faktoj raportitaj devenas ne nur de dokumentoj, sed ankaŭ de informoj donitaj de mastroj, administrantoj de grandaj establaĵoj, inĝenieroj kaj gvidantoj de la laborista movado, dum la vojaĝo de la aŭtoro en Usono en 1926.
Genève, 1927, 8-o, 135 pp. Broŝurita : 2 ŝ. 6 d. aŭ 60 centoj. Bindita : Sv. fr. 5. 4 ŝ. aŭ $ 1.00.

**Minimum Wage Fixing Machinery**
**Les méthodes de fixation des salaires minima**

*(Metodoj por fiksi minimumajn salajrojn)*

Raporto priskribanta la metodojn ekzistantajn en diversaj landoj, kune kun studo pri la tiurilata leĝdonado, ĝiaj celoj, la bazoj por fiksi minimumajn salajrojn, la dislimigo de metioj kaj profesioj kaj la metodoj de inspekto kaj devigo.
Genève, 1927, 8-o, 155 pp. Sv. fr. 3. 2 ŝ. 6 d. aŭ 60 centoj.

**The Trade Union Movement in Soviet Russia**
**Le mouvement syndical dans la Russie des Soviets**

*(La Sindikato-movado en Soveta Ruslando)*

Tiu ĉi raporto ekzamenas la apartan karakteron de la sindikato-movado en Ruslando, kiel ĝin konceptas la Komunista partio, kaj sekve pritraktas la influon de la sindikatoj sur la ekonomia kaj socia vivo de la Unuiĝo de Sovetaj Socialistaj Respublikoj kaj sur la internacia sindikato-movado.
Genève, 1927, 8-o, 287 pp. Sv. fr. 5. 4 ŝ. aŭ $ 1.00.

Ĉiuj tiuj eldonaĵoj estas haveblaj en Angla, Franca kaj Germana lingvoj. Aĉeteblaj ĉe la Internacia Laboroficejo, Genève (Svislando) aŭ ĉe la **Naciaj Korespondantoj** de la **Oficejo.**

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K.S., ANTVERPENO.